

# Havana Karavano

**KONGRESA KURIERO DE LA 95-A UNIVERSALA KONGRESO**

N-ro 1 Dimanĉo, 18-a de julio 2010

## Saluton, kongresanoj!

Kiel dum ĉiu Universala Kongreso, UEA kaj LKK ankaŭ ĉi-jare eldonas tagan ĵurnalon, tradicie konatan kiel la Kongresa Kuriero, kaj por la 95-a UK aperontan kun la nomo *Havana Karavano*. Ankaŭ same kiel ĉiukongrese, ĝia enhavo dependos tre grandparte de la kontribuoj de la kongresanoj mem, kiuj bonvolu raporti pri siaj kunvenoj, recenzi kongresajn eventojn ktp, kaj poste aŭ meti siajn pecojn en tiucelan skatolon ĉe la kongresaj giĉetoj, aŭ liveri ilin ĉe la KK-redakciejo en ĉambro Ortiz. Ankaŭ fotoj en komputila formato estas bonvenaj, same kiel kongresaj anekdotoj, rakontoj, kaj eĉ tutaj volontuloj. Ĉiuokaze bonvenon al Havano, kaj ĝuu la kongreson!

**La redakcio**

## Unu homo, unu libro, unu horo

Unu homo : prof. Lee Chong-Yeong, en Esperantujo konata simple kiel Chong. Unu libro: *Lee Chong-Yeong, gvidanto nia*, eldonita de Korea Esperanto-Asocio. Unu horo: la tempo kiun ni pasigos kune en la libroservo por omaĝi al prezidinto de UEA, konante lin pli bone per la vortoj de tiuj kiuj plej intime kunlaboris kun li kaj/aŭ kiuj plu antaŭenigas liajn ideojn: Probal Dasgupta, Humphrey Tonkin kaj aliaj. Do venu ĉiuj al la libroservo dimanĉon la 18-an de julio, je 16h15.

**Michela Lipari, KN 411**

## Ateistoj malfermaj

La administra kunveno de ATEO (Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo), kiu okazos dimanĉon 16h00-16h45, estas indikita en la kongresa programo kiel "fermita". La kunveno tamen estas malfermita al la publiko, sed bonvolu noti ke tio estos administra kunsido, ne diskuto pri ateismo.

Por informoj pri ateismo venu al la publika kunveno, ĵaŭdon 15h30-16h30. La temo de la kunveno estos: "Kio estas la celo de la vivo, laŭ ateistoj?"

**Anna Löwenstein, KN 849**

## Ekzameniĝu novtipe!

Novaj UEA-ekzamenoj, konstruitaj laŭ la aŭtoritata t.n. Eŭropa Referenckadro, funkcias ekde decembro 2008. Ĝis nun trapasis ilin 186 personoj el 31 landoj. Al la 13-a ekzamensesio, okazonta dum tiu ĉi UK, ankoraŭ eblas aliĝi dum la semajno.

La ekzamenoj okazas en tri niveloj: B1 (baza), B2 (meza) kaj C1 (supera). Ili konsistas el skriba kaj parola partoj, trapaseblaj ankaŭ aparte en diversaj ekzamenperiodoj. Ankaŭ eblas ekzameniĝi nur pri unu parto. La ekzamenoj testas nur lingvajn konojn kaj kapablojn, ne entenante movadajn aŭ kulturajn informojn.

La skriba ekzameno okazos vendredon je la 11h00, kun la parola parto poste aŭ alitage laŭ interkonsento. Eblas aliĝi ĝis la 9-a horo en vendredo. Ĉiujn ceterajn informojn, aliĝeblojn kaj pageblojn vi trovas en la Kongresa Libro pri la aranĝoj de edukado.net (p. 46) aŭ ĉe la giĉeto de la kasisto de UEA.

Ni atentigas ankaŭ pri tio, ke mardon, kadre de la meznivelaj paroligaj kursoj de edukado.net, okazos informado kaj ekzercado por la ĉi-semajnaj ekzamenoj.

**Katalin Kováts, KN 512**

## La bona lingvo ankoraŭ pli bona

Dimanĉon ja la 13-a horo en salono Canuto (Kanuto) kunvenos la nova asocio Tutmonda Esperanto. La kunveno estas malfermita al tiuj, kiuj kredas, ke Esperanto estas regula kaj sen esceptoj, kaj devas resti tia.

**Renato Corsetti, KN 412**

## Grava informo por prelegantoj kaj gvidantoj de kunsidoj

Ĉiuj memorstangetoj, kompaktdiskoj, DVD-oj kaj projekciotaj komputilaĵoj devas esti testitaj 24 horojn antaŭ la prezento ĉe la teknika centro de la kongresejo, apud salono Hodler. Sen tiu testo ne eblos dissendi la projekciadon.

# Kleriga Lundo

*lundon la 19-an de julio 2010*

UNUA BLOKO: 09h00-10h30

**Kiel agi en esperantistaj dezertoj**

Renato Corsetti, HORI Jasuo, Martin Schäffer

Ekzistas ankoraŭ multaj landoj en la mondo, kie eĉ unu esperantisto ne ekzistas. Do, la problemo estas kiel krei esperantistojn tie, kiel verdigi la dezerton. Unu el la sistemoj estas tiu elprovata de la Azia Komisiono (KAEM), sed ankaŭ de aliaj kontinentaj komisionoj de UEA, sendi homon al la lando, kiu gvidu la unuajn Esperanto-kursojn. Oni povas pensi pri alternativaj metodoj, ekzemple anoncoj en lokaj ĵurnaloj, anoncoj pri retaj kursoj. Ĝenerala demando: kiu estas la preferinda metodo por naski Esperanto-movadon en nova lando?

***09h00-10h30, Lapenna***

**Japanaj kvadratoj: huroŝiki kaj origami**

huroŝiki: TAHIRA Masako; origami: SAIKI Akira

De antikva tempo oni pakis diversajn objektojn per kvadrataj tukoj, japane "huroŝiki", por oportune kunporti ilin. Japanaj paktukoj kovras objektojn longajn aŭ mallongajn, grandajn aŭ malgrandajn, rondajn aŭ kubajn, eĉ montrante artismajn nodojn. Kontraste al papero aŭ plasto, tuko estas ekologiisme konvena pro la ebleco ripete uzi. Vi do provu mem paki ion vian per huroŝiki!

Paperfaldludo troviĝas tramonde, sed tiu nomata "origami" prosperis aparte en Japanio. Oni faldas diversajn formojn el diversformaj paperoj jam de malnova tempo, kaj aperis antaŭ 200-300 jaroj multaj fakaj libroj. La bela formo de "orizuru" (gruo faldita el papero) estas kvazaŭ simbolo de japaneca paperfaldludo. Vi do vidu varion da gruoj kaj mem faldu kun ni belan gruon!

***09h00-10h30, Canuto***

**Tradukekzerco:**
**tradukado en multlingvaj medioj**

Brian Moon

Ĉiu uzanto de Esperanto pli-malpli ofte konfrontiĝas kun problemoj de tradukado inter Esperanto kaj naciaj lingvoj. Por rigardi tiujn problemojn el iom nova perspektivo, ni proponas konsideri la situacion en multlingvaj organizaĵoj kiel Eŭropa Unio.

Sur bazo de praktika tradukado de specimena teksto jam ekzistanta en diversaj lingvoj, ni iom esploros la avantaĝojn kaj la problemojn de Esperanto en tiu ĉi kampo.

***09h00-10h30, Jáki***

**Ni lernu ludante**

Ana Montesinos

Temas ĉefe, sed ne nur, pri manieroj pligrandigi nian scion pri Esperantujo. Unue estos prezento de kelkaj eblaj ludoj, poste oni praktikos ilin en malgrandaj grupoj, kaj je la fino ĉiu grupo raportos siajn komentojn, kaj eblajn novajn ideojn, al la aliaj partoprenantoj.

***09h00-10h30, Broccatelli***

DUA BLOKO: 10h45-12h15

**Unuiĝintaj Nacioj kaj Unesko**

Humphrey Tonkin

Dum la kongresa semajno, okazos laborkunsido pri la agado de UEA ĉe UN kaj Unesko, sed la celo de la nuna sesio estos iom pli vasta. Ĝi respondos du demandojn: "Kial gravas, ke mi sciu pri UN kaj Unesko kaj subtenu ilin?" kaj "Kion mi povas fari por antaŭenigi Esperanton en tiaj internaciaj medioj?" Membroj de la teamoj, kiuj reprezentas Esperanton en Novjorko, Ĝenevo, Vieno kaj Parizo prezentos siajn vidpunktojn kaj diskutigos vin.

***10h45-12h15, Lapenna***

**Per muzikaj instrumentoj:**
**viaj talentoj helpas Esperanton**

HORI Jasuo

Esperantistoj havas diversajn talentojn. Uzu tiujn por Esperanto. Mi montros al vi unu ekzemplon pri tiu temo.

Lernejoj ne facile akceptas vian proponon instrui Esperanton. Sed se vi proponas "koncerton pri diversaj muzikiloj el la mondo" ili facile akceptos vin. Tion mi faras. Mi ludas japanan tradician muzikilon,

tial kiam mi vojaĝas en eksterlando, mi tuj aĉetas tieajn etnajn muzikilojn aŭ ludilojn. En la pasintaj tri jaroj mi prelegvojaĝis en Francio, kaj dum miaj vojaĝoj tiu koncerto estis la plej populara. Lernantoj estis ensorĉitaj per tiuj nekutimaj muzikiloj, mem ludante.

*10h45-12h15, Canuto*

**Indiĝena turismo**

Ruben Ortiz, Philippe Chavignon

Ruben Ortiz, grava gvidanto indiĝena en Gvatemalo, estis la kasisto de la indiĝena konsilantaro de la projekto I.D. "Indiĝenaj Dialogoj". Kiam ĉi lasta kolapsis, li proponis starigi ekoturismon kunlabore kun la indiĝena organizo porvirina "Kichin Konojel", kiun li kun lia edzino estris, kaj kiu peras projektojn pri terkultivado kaj edukado. Nova organizo "AgroEtour" estis kreita por okupiĝi pri la disvolvado de ekoturismo en kaj por indiĝenaj komunumoj. Kunlabore kun Philippe Chavignon, pluraj vojaĝoj en kiuj partoprenis esperantistoj estis organizataj en Mezameriko laŭ spirito de solidara turismo.

Ruben kaj Philippe prezentos la projekton kaj ilustros la rezultojn kaj malfacilaĵojn per siaj konkretaj spertoj.

*10h45-12h15, Jáki*

**Ekonomia Esperanto**

Hans Welling

En tutmonda komerco kono de fremda lingvo necesas. La angla estas la plej ofte uzata. Sed ĝi estas ege multekosta. Ni pli intense studu la tre grandan ekonomian avantaĝon de nia lingvo. Por konvinki ne nur kulturajn homojn, sed ankaŭ ekonomiistojn kaj politikistojn, ni devas mem koni niajn avantaĝojn, por ke ni povu ilin klarigi eksteren. Komence de la prelego mi disdonos enketilon. Ni kune klopodu kalkuli !

*10h45-12h15, Broccatelli*

## TRIA BLOKO 12h30-14h00

**Publika parolado sen nervozo**

Humphrey Tonkin

En la sesio ni penos atingi du celojn. (1) Kiel esperantistoj, ni de tempo al tempo troviĝas en nacilingvaj situacioj, en kiuj ni devas prezenti Esperanton klare, konvinke – kaj publike. Ni esploros kelkajn metodojn por fari tion. (2) Ankaŭ kiel esperantistoj, ni okaze devas publike paroli en Esperanto. Tio prezentas pliajn defiojn, kies solvojn ni ankaŭ esploros.

*12h30-14h00, Lapenna*

**Kimono: japana popolkostumo sed artaĵo**

KIKUSIMA Kazuko (Krizantemo)

"Kimono" estas japana tradicia popolkostumo, kaj en la nuntempa japana vivo ordinara kimono estas silka elegantaĵo. La nuntempa vestmaniero formiĝis antaŭ ĉ.120 jaroj. La silka ŝtofo por kimono, 36cm larĝa kaj ĉ.10m longa, estas fajne tinkturita, eĉ hodiaŭ mane po unu. "Obi", la silka larĝa zono por kimono, estas 30cm larĝa kaj ĉ. 4m longa. Kimono kaj obio ambaŭ estas simple plataj ŝtofoj, sed ili gajnas vivon sur la homa korpo.

Vidu verajn kaj belajn kimonojn kaj obiojn, kiuj estas japanaj artaĵoj tinktura, broda kaj teksa.

*12h30-14h00, Canuto*

**Yumeiho-Terapio en Kubo**

Francisco Briel de Cañas, Francel Briel Gil

Yumeiho-terapio alvenis al Kubo dum la 75-a Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Havano, Kubo en 1990 pere de sia kreinto d-ro Masayuki Saionji, el Japanio. Ni prezentos diversajn kuracitajn kazojn, kelkajn el ili pere de pacientaj atestoj, en kiuj oni povos konstati la bonefikojn de nia terapio. Fine ni elmontros praktike al partoprenantoj ĉe nia konferenco la bonajn efikojn de nia terapio.

*12h30-14h00, Jáki*

**Kiel igi niajn klubkunvenojn pli interesaj? Programeroj por klubaj kunvenoj kaj por lecionoj por progresantoj**

Josef Ŝemer

Temas pri prelego kun ekzemploj, samtempe instrua, amuza kaj defi-hava. Josef (Josi) Ŝemer estas multjara gvidanto de la Esperanto-klubo en Tel-Avivo, Israelo. Li kreis kaj prezentis tie diversajn programerojn, kiuj estas samtempe distraj, aktivigaj kaj lingvo-lernigaj. Dum la sesio li prezentos al ni kolekton de tiuj ĉi programeroj kaj riĉigos nin per sia sperto. La materialo taŭgas ankaŭ por lecionoj por progresantoj.

*12h30-14h00, Broccatelli*

# Demandoj rilatantaj la kongresan temon: Interproksimigo de kulturoj

## A. Grandaj temoj de Unesko – Kiel ni povos kunlabori?

Unesko deziras antaŭenigi kulturan diversecon en la mondon, kaj la ligojn inter la diversaj kulturoj. Kiel Esperanto helpu atingi tiun celon? Ĉu valoras konservi la lingvojn kaj kulturojn de la mondo? Kiujn aspektojn ni reliefigu kaj konservu?

Ĉu ni povos helpi pri la kompreno de similecoj kaj diversecoj en la mondaj kulturoj?

1) Kiel ni povos faciligi pli da kulturaj interŝanĝoj tra la mondo, laŭ la politiko de Unesko? Kiel ni povos faciligi la deziratan dialogadon aŭ konversaciadon en la evoluigo de politiko por edukado, scienco, kulturo, kaj komunikado laŭ tiuj celoj?

2) Kiel ni povos utiligi Interreton por konversacioj kiuj ŝanĝos perspektivojn pri kulturoj kaj religioj? Ĉu ni povos inkluzivi interreligiajn konversaciojn en nia interkultura dialogado? Kiel ni povos utiligi niajn komunikilojn por dialogi pri delikataj temoj kiuj gravas por la estonteco de nia mondo kaj la interhomaj rilatoj?

3) Kiel ni povos helpi eduki pri homaj rajtoj, kultura diverseco, integrado de marĝenitaj grupoj? Kiel ni kreu konversaciojn inter nordo kaj sudo je ĉiuj niveloj, per interŝanĝoj inter universitatanoj, profesiuloj, individuoj?

4) Ĉu estu nia tasko antaŭenigi sciojn pri indiĝenaj popoloj, iliaj vivfilozofioj, interkultura dialogado, luktado kontraŭ rasismo kaj diskriminacio, antaŭenigo de kulturo kaj paco kaj demokratio?

5) Kiel ni povos kontribui al la korektado de miskonceptitaj kulturaj reprezentiĝoj, valoroj kaj stereotipoj?

6) Ĉu ni povos komuniki la valorojn kaj produktojn de aliaj kulturoj per ekspozicioj kaj publikaj eventoj kiujn ni organizu pere de niaj tutmondaj kontaktoj?

7) Ĉu ni povos kontribui al la utiligo de novaj teknologioj kiuj antaŭenigu lingvan diversecon kaj tradukadon? Ĉu Esperanto povos roli pli efike ol aliaj solvoj kiel interlingvo en la aŭtomata tradukado?

## B. Aliaj gravaj demandoj por la Esperanto-movado

1) Kiel vi kaj aliaj esperantistoj kiujn vi konas vere uzis la lingvon por kompreni aliajn kulturojn?

2) Ĉu esperantistoj trompas sin kiam ili kredas kaj asertas ke Esperanto ebligas transkulturan komprenon? Ĉu ni urĝe bezonas interkulturan trejnadon kiel esencan parton de nia edukado kiel uzantoj de Esperanto? Ĉu vi spertis problemojn pri interkultura kompreno inter esperantistoj'? Se jes, en kiuj cirkonstamcoj? Kio estus helpinta eviti tion?

3) Ĉu ni devus ekzameni universalajn kultur-etikajn valorojn kiel akceptitan bazon por interrilati kun esperantistoj kaj la homaro ĝenerale? Ĉu ni provu difini specifajn kvalitojn kaj esprimiĝojn de tiuj valoroj laŭ la diversaj kulturoj por pli bone kompreni ilin? Ekzemploj de universalaj valoroj estus la amo, vero, justeco, libereco, unueco, toleremo, respondeco, kaj respekto al la vivo. Kiujn aliajn ni aldonus specife por la Esperanto-komunumo? Ĉu rolas en tio la "interna ideo"?

## C. Aliaj kernaj demandoj

1) Kion signifas interproksimigi kulturojn?

2) Kiel difini kulturon, kaj kulturojn?

3) Ĉu ĉiuj kulturoj egale valoras? Kiel ni difinu kulturajn valorojn?

4) Ĉu malaperos aŭ malaperu etne bazitaj kulturoj?

5) Ĉu Esperanto havas kulturon kun akceptitaj moroj, kutimaro? Kiel difini ĝin?

Ĉu ni estas vera "popolo" aŭ "malpopolo"? Kiel difini nin?

Kiuj estas la "samaj ideoj" kiuj nin kunigas kiel "samideanoj"?

*Venu por diskuti pri tiuj ĉi demandoj: dimanĉon 15h00 kaj mardon 13h45, salono Lapenna; ĵaŭdon 10h15, salono Hodler.*




# Havana Karavano

**KONGRESA KURIERO DE LA 95-A UNIVERSALA KONGRESO**

N-ro 2 Lundo, 19-a de julio 2010


## La Komitato de UEA elektis en granda unuanimeco

La Komitato de UEA povis efike eklabori en sia unua kunsido en Havano sabaton, la 17-an de julio, ĉar diference de kunsidoj eĉ en pluraj eŭropaj UK-oj, ĝi havis kvorumon tuj je la komenco. Ĉeestis komence 26 komitatanoj; fine de la kunsido la nombro estis jam 36, nome 32 komitatanoj A, 3 komitatanoj B plus unu intertempe elektita komitatano C.

La ĉefa tasko en la sabata kunsido estis la elektoj. La Komitato voĉdonis per sekreta baloto pri la proponoj de la Elekta Komisiono, kiujn ĝi ricevis jam en majo. Unue estis elektitaj komitatanoj C. Ĉiuj ses kandidatoj sukcesis en la voĉdonado. Por Loes Demmendaal voĉdonis 24, kontraŭ 1 kaj 2 sindetenis; Paulo Branco ricevis respektive 21, 4 kaj 1; Jean Codjo 20, 4 kaj 2; Josep Franquesa Sole 20, 5 kaj 1; Stefano Keller 20, 0 kaj 6; kaj Marcel Delforge 19, 1 kaj 6.

Sekvis la elekto de la Estraro por la periodo 2010-2013. Probal Dasgupta estis reelektita kiel prezidanto per 26 por, 2 kontraŭ kaj 4 sindetenoj. Claude Nourmont kiel vicprezidanto ricevis respektive 26, 4 kaj 2 voĉojn, kaj Barbara Pietrzak kiel ĝenerala sekretario per 27, 4 kaj 1 voĉoj. Same kiel antaŭe, Nourmont plu respondecos pri edukado, kulturo kaj kongresoj kaj Pietrzak pri informado. Loes Demmendaal reelektiĝis kiel estrarano pri financo kaj administrado per 28, 2 kaj 2 voĉoj. Tri estraranoj estas novaj: Maritza Guriérrez pri landa kaj regiona agado (resp. 26, 3, 3), Stefano Keller pri eksteraj rilatoj (24, 3, 5) kaj Amri Wandel pri scienca kaj faka agado (23, 5, 4). Kvankam ne en la tuj antaŭa periodo, Gutiérrez estis estrarano jam pli frue dum unu mandato kaj Wandel dum du mandatoj.

Kiel komitataj reviziantoj estis elektitaj Paulo Branco kaj Marcel Delforge unuanime. Ambau ricevis 29 porajn voĉojn; du sindetenis. Simile elektiĝis ankaŭ la membroj de la Financa Komisiono. Flory Witdoeckt ricevis 30 porajn voĉojn kun 1 sindeteno, Gianfranco Polerani resp. 29 kaj 2, kaj Josep Franquesa Sole 28 kaj 3.

**Gazetara Komuniko de UEA n-ro 389**

## Kunvenaj raportoj

### Komence pri kongresa temo

En la unua diskutsesio pri la ĉi-jara kongresa temo, Geoffrey Greatrex enkondukis la temon kaj prezentis kelkajn rilatajn demandojn. Poste intervenis mallonge Humphrey Tonkin, José Antonio Vergara kaj Philippe Chavignon, kiuj traktis kaj teoriajn kaj parktikajn aspektojn de la temo. Tiam pluraj kongresanoj proponis siajn proprajn opiniojn kaj demandojn. Oni multe diskutis unuflanke pri tio, ĉu oni parolu pri interproksimigo de kulturoj aŭ interproksimiĝo, aŭ eĉ eventuale de interplektiĝo. Aliflanke Chavignon proponis novan saluton, kiu estus tute kulture neŭtrala, por Esperantujo. Oni aliros ĉiajn aspektojn de la temo, sekvante la demandojn starigitajn de Duncan Charters en paĝo 4 de numero 1 de *Havana Karavano*, mardon en Lapenna je 13h45.

### Unuaj kubaj/mezamerikaj prelegoj

Regis agrabla etoso dum la bone ĉeestata unua Kuba Prelego, de Mayra Núñez. Okazis interŝanĝaj momentoj de ideoj pri kubaj tradiciaj muzikiloj. Infanoj belege ludis ilin kaj mem instruis al kongresaj partoprenantoj pri ilia ludado. Post la fino de la prelego la ĉeestantoj restis en salono Hodler diskutante pri la diversaj kubaj muzikiloj. Forta aplaŭdo fermis kiel premion la okazaĵon.

Post kelkaj minutoj simile granda ĉeestantaro ĝuis la unuan Mezamerikan Prelegon, de Rubén Ortiz pri la kalendaro, tradicioj kaj sportkulturo de la majaa popolo en Mezameriko. Kadre de la prelego s-ro Ortiz montris du librojn verkitajn de li en la hispana lingvo pri tiu prakulturo; ambaŭ el kiuj estas aĉeteblaj en la kongresa libroservo. Ĉiuj interkonsentis pri la beleco de tiu kulturo kaj de la homa laboro por prizorgi ĝin.

**José Luis Montes de Oca, KN 902**

### Shakespeare en multlingva mondo

Ĉirkaŭ cent homoj ĉeestis en dimanĉo la inaŭguran prelegon de la 63-a sesio de IKU, en kiu Humphrey Tonkin priskribis la procedon de la kreiĝo de la verkoj de Ŝekspiro en ilia kultura kunteksto. Per sia flua parolo kaj interesa maniero de prezentado li montris, ke malgraŭ la angla fono de Ŝekspiro, liaj verkoj iĝis internaciaj kaj fariĝis posedaĵo de la homaro. Oni ludas kaj ŝatas liajn teatraĵojn ĉie, tutmonde. Por interesatoj okazos du daŭrigaj sesioj de tiu ĉi temo: mardon je 09h00 en Canuto, kaj samhore vendredon en Lapenna.

**Josef Shemer, KN 492**

# Tago de la Lernejo

*mardon la 20-an de julio 2010, 10h00-16h00, salono Canuto; kunordiganto: Aurora Bute*

## Temo: La plezuro de lernado kaj instruado

### I. MALFERMO: 10.00-10.15

**0. Enkondukaj vortoj**
Aurora BUTE, ILEI-komitatano

**1. Saluto nome de ILEI**
Stefan MacGILL, prezidanto de ILEI

**2. Saluto nome de UEA**
Claude NOURMONT, ĝisnuna estrarano de UEA, UEA-observanto ĉe ILEI

**3. Saluto nome de la Kuba Sekcio de ILEI**
Julián HERNÁNDES ANGULO

### II. LA UNUA SERIO DE PRELEGOJ (LUDOJ)

**1. Ebloj de rol-ludado**
Stefan MacGILL, prezidanto de ILEI

*10h15-10h35*

**2. Interkulturaj lingvaj ludoj**
Mag. Radojica PETROVIĆ, estrarano de ILEI

*10h35-10h55*

**3. Kartludo por instrui lingvan diversecon**
D-ro François LO JACOMO, prezidanto de Kulturdomo de Esperanto-Kastelo Greziljono

*10h55-11h15*

### III. LA DUA SERIO DE PRELEGOJ (INSTRUADO)

**4. Plezure legi tekstojn en duagradaj kursoj kaj lerni!**
Prof. d-ro Renato CORSETTI, prezidanto de Itala Esperanto-Federacio

*11h15-11h45*

**5. Programeroj por lecionoj por progresantoj**
Josef SHEMER, Sekretario de Esperanto-Ligo en Israelo

*11h45-12h15*

**6. Laŭŝtupaj ekzercoj por parolkapabligi lernantojn**
Prof. Julián HERNÁNDES ANGULO, prezidanto de Kuba Esperanto-Asocio

*12h15-12h35*

**7. La rektmetoda instruado kaj metodikaj helpiloj**
Stano MARČEK, redaktoro de la revuo *Esperanto*, prezidanto de Slovaka Esperanto-Federacio

*12h35-12h55*

**8. Spertoj en la instruado de Esperanto en Brazilo kaj en Kubo**
Gonzalo COLLANTES

*12h55-13h15 (paŭzo 13h15-13h25)*

**9. La Esperanto-Sumoo**
HORI Yasuo, estrarano de Japana Esperanto-Instituto, ĝisnuna estrarano de UEA

*13h25-13h40*

**10. Lingva talento, profesia kompetenteco, motivado kaj ties influo sur la E-lingvo instruado. Personaj travivaĵoj**
Héctor Jiménez Batista, E-instruisto

*13h40-13h55*

**11. Senseĝa instruado**
Sylvain LELARGE, kunlaboranto de www.edukado.net

*13h55-14h25*

**12. Gravaj novaĵoj ĉe edukado.net**
D-rino Katalin KOVÁTS, redaktoro de www.edukado.net

*14h25-14h55*

### IV. LA TRIA SERIO DE PRELEGOJ (PROJEKTOJ)

**13. La projekto de Peni Vos, "Parolante al la tuta vasta mondo"**
Jennifer BISHOP, direktoro de edukado por Aŭstralia Esperanto-Asocio

*14h55-15h15*

**14. Lernu.net kaj la E-instruado**
Radojica PETROVIĆ, estrarano de ILEI

*15h15-15h35*

**15. Brilaj projektoj britaj**
D-ro Geoffrey GREATREX, estrarano de EAB, nome de Angela Tellier, kunordiganto de la projektoj Lingvolanĉilo kaj Komenio

*15h35-15h55*

**16. FRINGOJ 2011, niaj lernantoj estas artistoj!**
Elizabet BARBAY, edukistino, lanĉinto de la Festa Renkonto INternacia de GeknabOJ en 2006

*15h55-16h00*

### V. FERMAJ VORTOJ (Stefan MacGILL)

## Ateistoj administre

Dum la dimanĉa administra kunveno de Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo (ATEO), ĝia prezidanto Christian Rivière prezentis kelkajn elementojn de la funkciado de la asocio, ĝian bultenon, kaj la agadojn dum la jaro. Aparte notindas la kunlaboro de ATEO kun Internacia Asocio de Liberpenso, fondota en Oslo, Norvegio en 2011. La kotizo de ATEO estas 15 eŭroj por unu jaro, sed estas aparta prezo de 10 CUC por B-landanoj dum la kongreso.

## Subkomitato pri junularo

Kunvenintoj konsistantaj kaj el junuloj kaj el pli aĝaj kongresanoj formis laborgrupon por diskuti la bezonojn de la hodiaŭaj junaj esperantistoj kaj kiel UEA povus efike helpi al ili kaj ricevi pli da junuloj inter siaj membroj kaj en siaj kongresoj. En la kunsido formiĝis du rekomendoj, pri amasloĝejo kaj pri helpo al unuafojaj kongresanoj, kiuj estas prezentotaj al la Komitato de UEA en ties sekva kunveno. Aldone mallonge prezentiĝis ankaŭ TEJO kaj ties kongresoj (IJK).

## Indiĝenaj Popoloj, Afrika Komisiono

Dimanĉon en salono Canuto Renato Corsetti enkondukis kaj Philippe Chavignon priparolis la nuntempan agadon de la projekto "Indiĝenaj Popoloj". Partoprenis indiĝeno el Gvatemalo. Estis vaste debatataj la ideoj laŭ kiuj oni povus efike proponi Esperanton al indiĝenoj.

Horon poste en salono Jáki, trideko de ĉeestantoj en la kunsido de la Afrika Komisiono aŭdis raporton pri la agado de la komisiono kaj pri la afrika ILEI-agado de Radojica Petrović. Proponoj por plibonigi la afrikan agadon estis diskutataj.

**Renato Corsetti, KN 412**

## Tutmondeca Esperanto

Renato Corsetti prezentis la laboron de la grupo La Bona Lingvo dum dimanĉa kunveno en Canuto. Poste prelegis Cvi Solt pri vortfarado en la hebrea, kaj José Antonio Vergara pri kriterioj por vere tutmonda lingvo. Josias Barboza parolis pri reviziado de lernolibro cele al forigo de novaj radikoj. La publiko, kiu konsistis el sepdeko da ĉeestantoj, estis interesata kaj faris plurajn rimarkojn.

**Renato Corsetti, KN 412**

## Komunistaj diskutoj pri Kubo

La dimanĉkunvenaj diskutoj de Internacia Komunista Esperantista Kolektivo (IKEK) temis precipe pri la gastiganta UK-lando Kubo, terorismo kontraŭ ĝi, kaj la kazo de kvin kubanoj malliberigitaj en Usono. Diskutiĝis ankaŭ elektoj en Kubo.

## Omaĝo al Chong

Dimanĉposttagmeze en la libroservo raportis pri siaj impresoj kaj spertoj kun prof. Lee Chong-Yeong Michela Lipari (gvidanto de la kunveno), Probal Dasgupta, Humphrey Tonkin (kiu estis en sama UEA-Estraro), Edvige Tantin, Kim Young Myung, HORI Jasuo kaj Ivo Osibov. Estis bedaŭro ke ne pli da homoj partoprenis tiun ĉi interesan kunvenon.

## Regiona Agado

Gvidate de HORI Jasuo, oni aŭdis raporton pri la ĝeneral situacio de regiona agado por Esperanto en la tuta mondo, kaj ankaŭ raportojn pri specifaj regionoj: Afriko (Renato Corsetti), Ameriko (Martin Schäffer), Azio (HORI Jasuo), Mez-Oriento kaj Nord-Afriko (Renato Corsetti), kaj Oceanio (HORI Jasuo, manke de la komisionano). Fariĝis klara al la partoprenantoj la situacio en diversaj lokoj en la tuta mondo.

## Ĝemelaj Urboj

Komence de la kunsido en salono Broccatelli, HORI Jasuo prezentis la situacion kaj celojn de "Ĝemelaj Urboj". Kvankam urboj en kiuj la partoprenantoj loĝas havas siajn ĝemelajn urbojn, ali ili mankas spertoj pri tiu agado; do babilado daŭris rilate al tiu temo, kaj kelkaj partoprenantoj esprimis deziron ke ilia urbo ĝemeliĝu kun alia en la mondo. Kontraste al pasintjare, mankis raportoj pri personaj spertoj rilataj al la projekto.

## Aŭtoraj Duonhoroj

Ĉiuj Aŭtoraj Duonhoroj okazos en la libroservo.

Malgraŭ la manko de antaŭanonco en *Havana Karavano* (pri kio la redakcio bedaŭras – ĉiuj sekvaj ja estos anoncitaj, vd. unuan sube), dekoj da kongresanoj ĉeestis la unuan oficialan Aŭtoran Duonhoron dimanĉon posttagmeze je 14h30. Spomenka Štimec el Kroatio kaj Probal Dasgupta el Hinda Unio prezentis en la libroservo tradukprojekton dum la Aŭtora Duonhoro. La projekton financis Eŭropa Komisiono. Per la projekto tri libroj el infana literaturo de Italio, Kroatio kaj Slovenio estis tradukitaj per Esperanto al la bengala lingvo. Paralele bengala libro *La vivo de Damoru* estis tradukita per Esperanto al la slovena, kroata kaj itala lingvoj. Finance subtenis la projekton Esperantic Studies Foundation (ESF), la ministerio pri kulturo de Kroatio, kaj la urbo Zagrebo.

## Anna Löwenstein



Verki romanon estas kiel kuri maratonon. Oni komencas esperplene, post du trionoj de la vojo oni timas ke oni neniam atingos la finon, kaj la plej plezura momento venas kiam finfine oni haltas. Ŝvitante kaj ĝemante, **Anna Löwenstein** verkis du romanojn, *La ŝtona urbo* kaj *Morto de artisto*, kaj (malpli ŝvite) plurajn artikolojn, tradukojn ktp. Ŝi mencios precipe siajn du libretojn pri landonomoj: *Konciza klarigo pri la landonomoj en Esperanto* kaj (kiel redaktoro) *Rusoj loĝas en Rusujo*.

***Lundo 19 julio, 16h00-16h30***

## Programaj anoncoj

### Filatelo kaj Esperanto

Renkontiĝo de filatelistoj kaj esperantaĵ-kolektantoj okazos mardon, la 20-an, je 16h00 ĉe la enirejo de la kongresejo. Simpatiantoj kaj scivolemuloj estas same bonvenaj.

**Edvige Tantin Ackermann, KN 335**

### Spiritisma prelego

Brazila Spiritisma Federacio kaj Eldonejo Lorenz anoncas "Ĉu mia konscienco anesteziiĝis?" kiel temon de prelego prezentota de d-ro Paulo Sergio Vrana el Brazilo, mardon je 09h00 en salono Lapenna. Ĉiu kongresano estas invitita ĉeesti. Okazos ankaŭ lanĉo de Almanako Lorenz 2010.

### Danckurso/Kabaredo

| | |
|---|---|
| 14h45-15h45 | Danckurso 2 |
| 15h45-16h00 | Paŭzo |
| 16h00-16h10 | Batas tamburoj (Margarita Diaz); folklora dancado: Orisha Obbatala (Karel Garces) |
| 16h10-16h30 | Aktoras Pedro Fernández (speciale rakonto pri Obbatala); Simon Carlos kaj Cristina Palomino kune kun la Parolkoruso; speciala temo pri la paco |
| 16h30-16h50 | Gitaristoj Jessica kaj Janet Menéndez |
| 16h50-17h00 | Kantistino Miriam Casals |
| 17h00-17h20 | Pianisto Joel Romero |
| 17h20-17h30 | Klubo pri rakontoj; proverboj |
| 17h30-18h00 | Muzikensemblo "Kordoj el Havano" |

***Lundo 19 julio, 14h45-18h00, Magnani***

## *Salutmesaĝo de Louis Christophe Zaleski-Zamenhof*

*Sinjoro alta protektanto, sinjoro prezidanto, gesinjoroj honoraj gastoj, estimataj gekongresanoj, geamikoj karaj,*

Saluton al vi, alvenintaj de landoj malproksimaj al la gastama urbo de Havano, alvenintaj por diskuti kaj, sekve, por progresigi la interproksimigon de kulturoj.

Bonvolu aŭskulti ĉi tie kelkajn vortojn de maljuna nepo de Avo eterne juna, Avo kiu nian belan lingvon iniciatis ĝuste por kulturojn interproksimigi. Lingvo ja estas vehiklo de kulturo. Tial, laŭ onidira observo de Ludoviko gapvaganta sur la Bjalistoka vendoplaco, malamikeco ekzistis inter malsamlingvanoj sin reciproke ne komprenantaj; malamikeco kaj malkompreno bremsantaj interproksimigon de respektivaj kulturoj de tiuj malsamlingvanoj.

Kontraŭe al la iama Bjalistoka vendoplaco, nia Kongreso Universala estas teatro de kultura interproksimigo kaj ni, esperantistoj, ni de tiu interproksimigo estas la aktoroj. Ne nur pro malekzisto inter ni de lingvaj baroj, sed ankaŭ pro la neŭtraleco de nia lingvo Esperanto, dua lingvo por ĉiuj neniel celante ian ajn nacian lingvon anstataŭigi.

Mi forte deziras, kiel vi ĉiuj, ke la Havana Kongreso estu signifa paŝo sur la vojo de kultura interproksimigo .

*Noto de UEA-estrarano HORI Jasuo: "Estis mia granda honoro ke oni donis al mi la taskon anstataŭlegi la mesaĝon de Zaleski-Zamenhof. Komence de tiu ĉi jaro mi decidis tralegi la serion de Plena Verkaro de Zamenhof (PVZ), kompilitan de s-ro Ito Kanzi kaj konsistantan el 54 volumoj. Preskaŭ ĉiun tagon mi legas kaj legas PVZ-on kaj nun mi legas la 7-an volumon. Mi aĉetis tiun serion jam antaŭ pli ol dek jaroj, sed la serio silente sidis en mia ŝranko. Mi jam estas 68, kaj la morto pli kaj pli proksimiĝas. Kiam mi iros al la ĉielo kaj renkontos d-ron Zamenhof kaj s-ron Ito, kion ili diros al mi? Eble ili diros: 'Vi diras ke vi estas esperantisto, do kial vi ne legis la serion de PVZ?' Mi hontos tion, kaj decidis lukti kontraŭ tiu ampleksa serio. Kiam oni nomumis min kiel anstataŭleganton de tiu ĉi mesaĝon, mi sentis kvazaŭ d-ro Zamenhof kaj s-ro Ito kuraĝigus min pri mia decido. Mi praktikis la legadon por ke ĝi sonu bele kaj imprese. Ĉu mi sukcesis?"*



# Havana Karavano

**KONGRESA KURIERO DE LA 95-A UNIVERSALA KONGRESO**

N-ro 3 Mardo, 20-a de julio 2010

## Festparolado de Probal Dasgupta ĉe la Solena Inaŭguro de la 95-a UK

**Estimata s-ro Alta Protektanto, estimataj eminentuloj sur la podio kaj en la salono, estimataj kongresanoj,**



Bonvenon denove al la ĉiujare mirakla Universala Kongreso. Novaj kongresanoj, precipe homoj neniam antaŭe aliĝintaj al internacia Esperanta aranĝo, trovas en sia unua UK personan sperton pli superŝutan ol ili imagis. La eterna homa deziro atingi transbaran, transmaran kaj tamen personan amikecon aparte pure esprimiĝas en niaj kongresoj.

Ĉi-jare la kongreso suplementas sian kutiman bonvenigon per io tute speciala – Unuiĝintaj Nacioj deklaris ĝuste la 18-an de julio kiel la Internacian Tagon de Nelson Mandela. Ke ni inaŭguras kongreson ĝuste en unu el la landoj de la monda sudo en la 92-a naskiĝa datreveno de tiu granda sudafrikano, kiu kontribuis al la interproksimigo de la kulturoj kaj kontribuis al la paco en la multlingva, multetna Sudafriko, estas datkonverĝo tute aparte priĝojinda. Ni ĉiuj scias, ke lia ĉielarka Sudafriko inde gastigis la mondpokalan futbaladon, kie la fina ĉampioniĝo de hispanlingvanoj eble varmigis iujn korojn en ĉi tiu mondparto!

Sed pri tiu temo ni parolos tuj post mia parolado. UEA sendos mesaĝon al Nelson Mandela, kiel ni klarigos. Ĉi-momente ni revenu al la bonvenigado al niaj unuafojaj kongresanoj. Tiuj niaj unuafojuloj evidente neniam forgesos sian sperton. Sed al kiuj ili plej ŝuldas tiun ĉi sperton neforgeseblan? Ĉefe al tiuj inter vi, kiuj estas veteranoj, kiuj dudek aŭ kvardek aŭ kvindekfoje kongresis, kaj kies senmanke varma *veterana* ĉeesto fasonas agrablan *veteron* de la unika esperantista medio de amikeco trans la kontinentoj, la insuloj, la polusoj kaj la tropikoj, inter kiuj ni cirkulas kongrese. Al vi veteranoj ni esprimas nian koran dankon; ni dankas vin en Esperanto – en lingvo de kontrastoj kaj de simileco.

La similoj kaj la malsimiloj ambaŭ grave rolas en la amikeco. Kial donas al mi plezuron veni al tiu ĉi lando el mia same tropika lando? Pro la simileco inter Kubo kaj Barato. Tamen, ĉu ni kontinentanoj ofte vizitas insulojn? Ne, kaj tiu faktoro instigas min dum tiu ĉi vizito pensi al aliaj insuloj. Tiun mian kontinentanan kontentiĝon mi ŝuldas ĝuste al la kontrasto.

Kial mi subite elokventas pri kontrastoj kaj malkontrastoj? Nu, vi scias, ke la ĉi-jara kongreso temas pri la interproksimiĝo de kulturoj en multlingva mondo, ĉu ne? Ni bezonas tiel la similojn kiel la malsimilojn. Se ni ne estus dekomence almenaŭ iugrade similaj, tiam ni neniel seĉ komencus reciproke proksimiĝi. Aliflanke, se ni tro similas, aŭ sukcesos tro similiĝi, tiam ni per tia interproksimiĝado nur tedados unu la alian. Hodiaŭ ni scias, ke sur planedo feliĉe multlingva ĝuste nia investo pri la diverseco garantias, ke ni nepre ne fariĝu tro similaj, ĉu ne?

Tiu ĉi ideo estas iom nova por ni ĉiuj. Antaŭe la idealistoj kutime pledis por idealoj unuecigaj. En unu lando ili pledis por nacia unuecigo. Sur la monda skalo ili strebis al harmonio, kiun ili komprenis kiel sendivide, sendiference unuecigitan homaron. Sed ni hodiaŭ lernas deziri unu konektitan planedon, kiu estimas kaj flegas ĝuste la diversecon. Tiu ĉi lernado okazas ne nur en Esperantujo: la media katastrofo devigas nin serĉi vojojn por savteni la vivdiversecon kaj disvolvi aliajn parencajn diverseco-ideojn. Sed ni esperantistoj jam de longe pioniris, kaj veterane kultivas, similan kampon. Ni laboras por savteni la diversecon de konversacioj.

Ni aspiras al tutplaneda konversacio inter la lokaj kaj regionaj konversacioj, kiu savtenas ilian lokan kaj regionan viglecon kaj pere de ili la demokration.

En 1888 Zamenhof transdonis la taskon pludisvolvi sian lingvan prototipon al la publiko uzonta lian novnaskitan projekton. Ekde tiu mejloŝtona jaro la esperantista komunumo evoluigis tiun ĉi idealon novan por la homaro. Kaj kiom ni progresis en tiu disvolva laboro? Kion nia unike esperantista konversaciado ĉerpis el la fonto ofte nomata la globa sudo – el Kubo kaj aliaj landoj de Latinameriko, Afriko kaj Azio?

En la fruaj jaroj de la esperantista konversacio, ne havis reliefan lokon la sudaj voĉoj. La prahejmoj de la Esperanta lingvo-kultivado – Rusujo, Svedujo, Francujo – dialogis kun aliaj orient- kaj okcidenteŭropaj socioj, kiuj ĉeftrafikis ĉirkaŭ tiu akso. Ankaŭ kiam la Esperanta literaturo serioze floris, ni vidis prosperi sinsekvajn hungaran kaj skotan skolojn post la respektivaj mondmilitoj. Iliaj revuoj gastame akceptis kontribuojn ankaŭ el la sudaj landoj. Tamen ili eble ne plene komprenis, ke la konsisto de la monda konversaciantaro ŝanĝiĝas, kaj ke tial ankaŭ nia unika kultura konversacio inter kulturaj konversacioj devas remuldi sin laŭ tiu nova konsisto.

*(daŭrigota)*

# Programaj anoncoj

## Ankaŭ IKU-prelego de Raola certe prezentota

Same kiel anoncite dum la Solena Inaŭguro pri la IKU-prelego de Duncan Charters, kiu ne ricevis permeson de la usona registaro veni al Havano por la UK, tiu de Orlando Raola (vd. Kongresan Libron, p. 57-58) nepre prezentiĝos ĉiuokaze, vendredon je 10h15 en salono Lapenna. Se s-ro Raola ne sukcesos atingi la kongreson, voĉlegos lian prelegon Amri Wandel, KN 915.

## Gazetoteko Lanti

Esperantisto, kiu venas al UK: Kion vi povas fari por la estonteco? Kiel oni povos danki vin en la estonteco kiel esperantiston kaj respektanton de nia kulturo? Venu al prelego pri la Gazetoteko Lanti (14h30 mardon, Jáki) kaj lernu pri kio ĝi estas, kiel ĝi aperas, kaj kiumaniere vi povas helpi konservi nian trezoron por la estonteco. Dankon.

**Jesuo de las Heras, KN 400**

## Kuba Mozaiko en la koncertkafejo

UNUA PARTO

| | |
|---|---|
| 11h00-12h00 | Spektaklo *Esperanto por ĉiam* (Georgina Almanza) |

DUA PARTO

| | |
|---|---|
| 14h00-14h15 | Muziklernejo "Kubo-Kanado" (tradicia muziko) |
| 14h15-14h30 | Juna ensemblo de muziklernejo "Alejandro García Caturla" |
| 14h30-14h45 | Pianisto Joel Romero |

TRIA PARTO

| | |
|---|---|
| 14h45-15h45 | Danckurso 3 |
| 15h45-16h00 | Paŭzo |
| 16h00-16h15 | Batás-tamburoj (Margarita Díaz); folklora dancado: Orishas Oshun (Jessica Menéndez), Yemaya (Janet Menéndez) |
| 16h15-16h40 | Klubo pri rakontoj kaj poemoj (Pedro Fernández Rodríguez, Pedro Fernández Pérez, Ismarys Lezcano, Roberto Nuñez kaj Sonia Maria Gley) |
| 16h40-17h10 | Muzikensemblo "Amindaj" |
| 17h10-17h30 | Kapoeira Dancensemblo |
| 17h30-18h00 | Orkestro Kubaj Steloj; kantistino Ivette Letusé |

***Mardo 20 julio, Magnani***

## Italoj italu

Venu al la akcepto de la itala ambasadoro, vendredon je 18h30 en la manĝejo de Hotelo Palco. Estas atendataj 45 personoj – bv. do kunporti "honorajn italojn", ekzemple neitalajn amikinojn.

**Renato Corsetti, KN 412**

## Verduloj

"Kion ni povas fari por bremsi la klimatan ŝanĝon?" Tio estos certe unu el la temoj pritraktotaj dum la kunveno de Asocio de Verdulaj Esperantistoj (AVE), vendredon je 14h45 en salono Broccatelli.

Havebla en la kongresa libroservo estas libro ĵus eldonita pri tiu temo: *Kien la klimato? Post Kopenhago kaj Koĉabambo, Eseoj*.

**Vilhelmo Lutermano, KN 151**

## Du korusoj en kongreso: Internacia Koruso kaj Interkant'

Ĉi-jare du korusoj kongresas. Gravas precizigi kion, kiam, kaj kie ili provkantas.

La *Internacia Koruso* prezentos tri kantojn: "United Fruit and Co.", "Ameriko insurgenta" kaj "Tropika parfum"". Provkantoj okazos mardon je 17h00 en Hodler kaj vendredon je 16h30 en Lapenna.

*Interkant'* kantos mardon 20 julio je 09h30 en Magnani, merkredon je 10h00 en Hotelo Acuario, kaj ĵaŭdon je 16h00 en la Nacia Teatro (buso ĉe la kongresejo je 15h30).

**Franjo Levêque, KN 538**

## ILEI-rezolucio

La 43-a Konferenco de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj), kunveninta 60-ope el pli ol 20 landoj 11-17 julio 2010 en Matanza, Kubo, traktinte la temon "Edukado por kultura proksimiĝo", esprimas sian apogon al la UN-iniciatoj kiel la Mondaj Tagoj de la Oceanoj kaj de la Paco, atentonte la iniciatojn en sia instruado, kaj substrekas la gravecon strebi trovi solvon de la mondaj konfliktoj prefere al armila intervenado per paca intertraktado en neŭtrala egalrajtiga lingvo surbaze ankaŭ de samrajtigo de la tutmondaj ekonomiaj rilatoj. Nome Esperanto delonge pruviĝis konvena rimedo kiel interkomprenilo, taŭga por konsciigo pri nia respondeco pri la komunaj valoraĵoj materiaj kaj spiritaj.

*Decidite en la 17-a de julio 2010.*

## Kongresaj raportoj

### Unua komitatkunsido – aliaj aspektoj

Post kontroli la komitatanojn kaj observantojn, oni decidis kaj konkludis ke estas forumo por kunveni. Ili ankaŭ akceptas la tagordan proponon kaj elektis kandidatojn por la Estraro nova de UEA. En la raporto estas rimarkigo pri la nuna kuba koĉo por fari la UK-on, kaj la opinio estas ke je la komenco a kongreso estas kvalifikita tre bone. Oni diskutis kaj analizis la kvanton de estraranoj. La fina decido estas ke la Estraro de UEA havu nur unu vicprezidanton kiam ĝi sinprezentos mardon matene. Juliano Hernández, prezidanto de KEA kaj LKK, informis pri la preparlaboro lande. Oni ankaŭ analizis la anoncan liston pri salutoj el la diversaj landaj reprezentantoj dum la inaŭguro. Post dekminuta paŭzo, ili prezentis la novan Estraron de UEA. Alia grava temo estis la komisiono pri financo de UEA. Ili voĉdonis pri tiklaj punktoj de la interna laboro de UEA, kiel la akcepto de novaj landoj kaj fakaj organizoj ktp. La strategia plano de la asocio provokis diversajn kaj akrajn komencojn flanke de la kunvenaj partoprenantoj. Kun tiu ĉi diskuto finis la unua komitatkunsido de UEA en Havano, Kubo.

**Mario Ruiz Karell, KN 912**

### Ekumena Diservo

Malgraŭ malfacilaĵoj pro lastmomenta ŝanĝo de la loko, la Ekumena Diservo de la UK sukcese okazis dum dimanĉo ekde 15h00, celebrita de pastro Peter Knauer (KN 487) en la preĝejo Jesús de Miramar kun ĉeesto de kvardeko da kongresanoj. Anoj de pluraj religioj unuiĝis en preĝo kaj kantado kaj aŭskultis originalan esperantlingvan homilion pri la evangelia legaĵo.

**Marek Blahuš (KN 855)**

### Nacia Vespero

La spektantoj ĝuis agrablan kaj interesan Nacian Vesperon. Kritikpunktoj estas malmultaj. Temis pri plej diversaj muzik-prezentoj, sed eblas diri ke mankis prezentado de kuba kulturo. Oni povus pensi pri recitado de poemoj, literaturo kaj eble prezento de kubaj dancoj. Tre plaĉis grupo de junuloj kiuj dancis kaj faris ritmajn sonojn nur per la korpo kaj manoj. Ankaŭ tre bona prezento estis la fina, en kiu kantistino plej bele kantis.

**Martin Schäffer, KN 430**

*Estis trovita sumo de kubaj pesoj en la koridoro antaŭ la giĉetoj en dimanĉo ĉirkaŭ la kvina horo posttagmeze. Se estis vi kiu perdis ĝin kaj vi povas indiki pri kiom temas, la mono estos redonita al vi ĉe la giĉetoj.*

### Esperantaj dezertoj…

Dum prezento en la Kleriga Lundo, Martin Schäffer parolis pri agado en Suda Ameriko kaj pri la vojaĝo entreprenota de juna belga esperantistino. HORI Jasuo parolis pri la agado de KAEM, la Azia Komisiono de UEA, en aziaj landoj. Renato Corsetti parolis pri la situacio en arablingvaj landoj. Estris grand interesiĝo de la centkapa publiko.

**Renato Corsetti, KN 412**

### …sed ekvadora semo

Bedaŭrinde, en Ekvadoro ne estas Esperanto-asocio. Tamen jam estas inter ni la unua semo, pere de la junulo Iván Ricardo Landivar (KN 797). Li estas komencanto, sed kuraĝe parolas Esperanton. Li rezistas uzi sian gepatran hispanan, eĉ ĉi-kongrese kie estas tiom konvene tion fari. La 95-a UK estas lia unua sperto pri la graveco de nia movado. “Tiu ĉi grava internacia evento estos neforgesebla por mi”, li diris. “Ĝi estas montro de la vera alproksimiĝo inter naciaj kulturoj. Ĝi estas montro de homa interkompreniĝo kaj senlima amo.” Poste li aldonis: “Mi ĉiam laboros en tiuj celoj.” Ni gratulu kaj bonvenigu al sinjoro Iván.

**José Luis Montes de Oca, KN 902**

### Lerni ludante

Cento da kongresanoj ĉe la prelego de Ana Montesinos (KN 647) en la Kleriga Lundo lernis serioze, sed ridante, manierojn por faciligi la lernadon de Esperanto per diversaj ludoj, inkluzive de loterio. Partopreno estis centprocenta, kun absolute ĉiuj en salono Broccatelli farante ion dum la klaso. La montrata luda metodo ankaŭ pruvis, ke instruistoj ne bezonas uzi gepatran lingvon de la gelernantoj por igi ilin lerni. Ekzemple, mi porĉiame lernis la vorton *krabo* per tiabesta premio, kaj *karamelo* per premiita ekzempleron de tio, pro mia ĝusta respondo “akvo-melono” al prezentita demando. Nia prelegantino bone montris sian instruan lertecon kaj bonhumoron. Dankon Ana!

**José Luis Montes de Oca, KN 902**

*La kongresanoj, kiuj mendis ĉambron en Hotelo Palco rekte per la retejo hotelpalcodecuba.com bonvolu kontakti KN 217 (Marc Bavant) por interŝanĝo de spertoj kaj komuna ago. Poŝtel.: +33 6 33 35 53 18.*

## Kio estas Oomoto

Regis bona etoso en la lunda Oomoto-kunveno, ĉeestita de pli ol 50 homoj, diversaj el kiuj esprimis siajn sentojn pri la Oomota idealo. Parolis interalie Atilio Orellana Rojas, Amri Wandel kaj Ana Montesinos, ĉiuj informante dum kelkaj minutoj pri a influo de la sperto de Oomoto en siaj vivoj.

**Roberto Torres, KN 766**

## Saniga Lundo

Dum la programero pri Yumeiho-terapio dum la Kleriga Lundo (vd. n-ron 2 de *Havana Karavano*), la terapio estis prezentita ne nur per priskriboj de ĝia teorio pri pezcentro kaj de kazoj de efikaj kuracoj, sed ankaŭ praktike, kun kelkaj partoprenantoj ricevante la kuracon mem kun plezuro, kaj farante rekomenditajn ekzercojn por plibonigo de la sanstato laŭ Yumeiho-maniero. Fakte multaj el la kvindeko da ĉeestantoj volis same ricevi la terapion, sed bedaŭrinde la tempo ne sufiĉis por ĉiuj.

**Fráncel/Francisco Briel, KN 676/677**

## Kuba geografio

La tria Kuba Prelego celis oferi ĝeneralan bildon pri Kubo ekde fizikogeografia vidpunkto kaj ankaŭ inkluzivis niajn nacijn simbolojn. Post la fino de la prelego oni proponis demandojn al la partoprenantoj pri ajnaj duboj aŭ demandoj rilate al nia lando.

**Gonzalo Collantes, KN 900**

## Paroligaj Lecionoj kun edukado.net

La preleganto havas sian propran pedagogian metodon por gvidi la agadon. Li interŝanĝas opiniojn, ideojn kaj kriteriojn dum la tuta tempo de la prelego. Ni ne nur lernis, sed ankaŭ amuziĝis. La instruisto ankaŭ ofertis helpon al la blindaj kaj handikapitaj ĉeestantoj. Multaj el la ĉeestantoj opiniis tiun ĉi horon la plej bona kaj interesa evento de sia kongreso ĝis nun.

**Yoandris Pompa Valdespino, KN 697**

## Kleriga Lundo – Muzikiloj

Dum la Kleriga Lundo okazis seminario pri muzikaj instrumentoj en kiu HORI Jasuo tre lerte kaj amuze prezentis sian vastan kolekton de diverslandaj muzikiloj. Ni provis diveni el kiuj landoj ili originas kaj ankaŭ kelkaj el ni provis muziki. Tio ne ĉiam estis facila. Regis bonega etoso; oni multe ridis kaj ŝercis dum la tuta kunveno.

**Liba Gabalda, KN 330**

## Aŭtoraj Duonhoroj

### Geoffrey Sutton



**Geoffrey Sutton** estas esperantisto jam dum 48 jaroj. Li tiel malsaĝe aranĝis sian vivon, ke li ne sole naskiĝis anglo, sed trifoje profesie laboris por Esperanto – dufoje ĉe UEA kaj unufoje ĉe la redaktejo de la ĉina gazeto *El Popola Ĉinio*. Nun li redaktas kvaronjaran bultenon por Esperanto-Asocio de Britio. Li volonte respondos al demandoj pri sia 740-paĝa anglalingva enciklopedio pri la Esperanta literaturo, kies preparado postulis sep jarojn da laboro.

*Mardo 20 julio, 16h00-16h30*

### Aŭtoroj de lernolibroj



En kiom da lingvoj **Stano Marček** (Slovakio; en foto) jam eldonis sian libron *Esperanto per rekta metodo*? Venu al la libroservo mardon por ekscii (17h00-17h30). Ankaŭ **Josias Ferreira Barbosa** (Brazilo) prezentos sian novan libron, la duan kaj lastan volumon de la serio *Esperanto por lernejaj klasoj* (17h30-18h00).

*Mardo 17h00-18h00*

**Transporto por la vesperaj aranĝoj ekster la kongresejo**

MARDO
(Teatra Vespero – Teatro Nacional)
Ekiro de la kongresejo: 18h45
Reveno al la hoteloj:
je la fino de la prezentado



# Havana Karavano

KONGRESA KURIERO DE LA 95-A UNIVERSALA KONGRESO

N-ro 4 Ĵaŭdo, 22-a de julio 2010

## UK priraportata en kuba gazetaro

La kuba gazetaro dediĉas spacon al la kongreso de esperantistoj, kiuj venintaj el pluraj landoj volas ne nur debati pri Esperantaj temoj sed ankaŭ konatiĝi kun la gastiganta lando.

La Nacia Agentejo de Informado kaj Radio Havano elstarigis la principojn de solidareco, frateco kaj respekto al diverseco, kion Esperanto promocias en mondo kun malaperantaj lingvoj.

La paroloj de Fernando Rojas Gutiérrez, vicministro de kulturo, rilataj al la apogo de la kuba registaro al kultura diverseco, estas notitaj kun la omaĝo de la esperantistoj al la 92-a naskiĝdatreveno de Nelson Mandela.

La junulara tagĵurnalo *Juventud Rebelde* komentis pri la gazetara rondo, kie Barbara Pietrzak, ĝenerala sekretario de UEA, informis pri la temo de la kongreso. Estas anoncitaj ankaŭ la okazigo de infankongreseto kaj la novaj elektoj de UEA.

En la internacia medio, la ĉina gazetaro rete anoncis la okazigon en Havano por la dua fojo de UK de Esperanto. Post dudek jaroj Kubo bonvenigas nun la 95-an ĉefan eventon de la Esperanta komunumo.

**Norberto Díaz Guevara, KN 58**

## Ekskurso al okulkliniko

Sub gvido de s-ro Reinaldo Diégues, sepkapa grupo el Aŭstrio, Brazilo, Pollando kaj Rusio vizitis okulklinikon Ramón Pando Ferrer, kie la direktoro d-ro Reinaldo Rios Caso bonvenigis ilin. Post mallonga salutado li gvidis ilin tra la neŭroftalmologia diagnozcentro, kie ili povis admiri la plej modernajn elektronikajn kaj laserajn diagnoz-aparatojn. Krome ili povis spekti filmeton pri katarakt-operacio. Sekve ili estis varme akceptitaj en kvazaŭhotelo por eksterlandaj pacientoj, ekde la jaro 2005 enkadre de "Misio Milagro". La tre afabla direktorino, s-ino Irma Oramas Capote, montris la domon kaj informis pri ties historio en plej amika etoso.

**Ernst Quietensky, KN 461**

## Interreto funkcias!

La Interreta konekto en la kongresejo paneis pro teknikaj problemoj, sed ili nun estas solvitaj. Por konektiĝi necesas Vindozo kaj Internet Explorer. Ĉiuj aliaj navigiloj estas blokataj. La krozilo devas esti preparita por aŭtomata konekto.

## Nova arbo okaze de la kongreso

Neantaŭanoncita ero en la kongresa programo estis planto de arbo ĵaŭdon je la 9-a horo matene okaze de la UK en la Ekologia Parko Monte Barreto, post piediro de la hotelo Tritón kaj antaŭ busa transporto al la kongresejo.

**Kongresanoj atentu:**
Estas strikte malpermesite glui afiŝojn sur la muroj kaj pordoj de la kongresejo!

## Aŭtoraj Duonhoroj

### Eddy Raats



Naskiĝis kvar jarojn antaŭ la dua mondmilito en la flandra regiono de Belgio. Dum sia infaneco li suferis nekredeblajn travivaĵojn, kiun li rakontas en sia aŭtobiografio *La longa vojaĝo*. La vojaĝo eble finiĝis, sed la sorto denove frapis lin, kion ni supozeble malkovros en aperonta *Post pluvo, pluvego*.

*Ĵaŭdo 15h00-15h30*

### HORI Jasuo



HORI Jasuo ne nur prelegvojaĝas, muzikas, estraranas, movadumas, sed ankaŭ verkadas. Se vi ankoraŭ ne malkovris liajn tre interesajn kronikojn pri Japanio kaj pri la nuntempa vivo, nepre venu al la libroservo por korekti tiun mankon.

*Ĵaŭdo 15h30-16h00*

## Novaj aliĝoj

953 **S-ro Josef Trojan,** Ĉeĥio
954 **S-ro Jean-Dominique,** Francio
955 **S-ro Đivo Pulitika,** Kroatio
956 **S-ro Rafael Despradel Hernández,** Dominika Resp.
957 **S-ro Oscar Asensio,** Kubo
958 **S-ino Zaira Bastos Pinheiro,** Brazilo, zairabp@gmail.com
959 **S-ino Florença Bastos Pinheiro,** Brazilo
960 **S-ro Raimundo Gomes,** Brazilo
961 **S-ino Jaynira Lodes Gomes,** Brazilo
962 **S-ino Marta Mariana Les Hernández,** Kubo
963 **S-ro Roberto García,** Kubo
964 **S-ro Guillermo Antonio Ochoa Pacheco,** Kubo
965 **S-ino Hilda Ibañez Aguirre,** Kubo
966 **S-ro Pedro Esteban Pimentel Sedeño,** Kubo
967 **S-ro Valodia Hernández Blanco,** Kubo
968 **S-ro Emigdio Menéndez Rubio,** Kubo
969 **S-ro Jorge Luis González Santillán,** Kubo
970 **S-ro Alexis Otero Castellon,** Kubo, zunzun@gmx.ch
971 **S-ro Roldán Dik Ramirez González**
972 **S-ino Dina Lukjanec,** Kazaĥio
973 **S-ro Ilja Lukjanec,** Kazaĥio
974 **S-ino Leonora Torres,** Meksiko, nonisima2002@yahoo.com.mx
975 **S-ino Leonora Adriana González Torres,** Meksiko, mellamanlola@gmail.com
976 **S-ro Ulf Beling,** Germanio, espodespo@gmx.de
977 **S-ro Brandon Sowers,** bdsowers@ucdavis.edu
978 **S-ro Melanija Grgić,** Kroatio, mel.grgic@vip.hr
979 **S-ro Pedro E. Pimentel Sedeño,** Kubo
980 **S-ro Noel Gonzáles Fernández,** Kubo
981 **S-ro Draško Bjelica,** Serbio, drosko.bjelica@gmail.com
982 **S-ino KATO Nobuko,** Japanio
983 **S-ro Rodolfo Bladimir Brizuela Brizuela,** Kubo
984 **S-ro Paolo Scotti,** Italio, info@yuvi.net
985 **S-ino Silvia Emilia Rottenberg,** Argentino, silviarott@yahoo.com.ar
986 **S-ino Nuri Puerta Cusi,** Hispanio
987 **S-ro José R. Mederos Pedroso,** Kubo
988 **S-ro Georgo Handzlik,** Pollando, j.handzlik@kleks.pl
989 **S-ino JO Younhee,** Germanio
990 **S-ino Jenilda Dias Alencar,** Brazilo
991 **S-ino Gemma Turone,** Italio
992 **S-ro Rasmus Høyrup,** Danio, rastamus@gmail.com
993 **S-ino Karina Bredelle,** Danio, karina.lala@gmail.com
994 **S-ro Gregorio Nacu,** Kanado, gregorionacu@me.com
995 **S-ro Marino Portal Gonzáles,** Kubo
996 **S-ino SUGIMURA Naomi,** Japanio
997 **S-ro SUGIMURA Hino,** Japanio
998 **S-ro SUGIMURA Akihiro,** Japanio
999 **S-ro KADOYA Minami,** Japanio
1000 **Kiu estos nia mila kongresano?**

## Programaj anoncoj

### Demandoj al la Akademio

En la publika kunsido de la Akademio de Esperanto (vendredon je 12h15, Hodler), la ĉeestantaj akademianoj respondos prilingvajn demandojn. Se vi volas klarigon pri iu aspekto de la lingvo, prezentu vian demandon en skriba formo, aŭ per mesaĝo sur la rendevua tabulo al Brian Moon (KN 242), aŭ surloke en salono Hodler.

### Kio estas la celo de la vivo?

Jen granda temo, kiu meritas grandan diskuton! Venu pretaj por partopreni en la debato dum la publika kunveno de la ateistoj, ĵaŭdon posttagmeze, 15h30-16h30 en salono Canuto.

**Anna Löwenstein, KN 849**

### Kuba Mozaiko en la koncertkafejo

UNUA PARTO

12h00-13h00 Spektaklo *Esperanto por ĉiam* (Georgina Almanza)

DUA PARTO

14h00-14h20 Pianisto Joel Romero
14h20-14h45 Speciala koncerto de Voĉensemblo "Vokal Universo"

TRIA PARTO

14h45-15h45 Danckurso 4
15h45-16h00 Paŭzo
16h00-16h20 Batás-tamburoj (Margarita Díaz); folklora dancado
15h40-16h00 Pianisto Joel Romero
16h00-16h30 Trovadoro Hector Jiménez; kantistinoj Miriam Casals kaj Daimi Doval
16h30-17h00 Moda parado kaj prezentado de korpornamaĵoj el la artistino Apanaĉe
17h00-18h00 Voĉensemblo "Vokal Universo"

*Ĵaŭdo 22 julio, Magnani*

**Transporto por la vesperaj aranĝoj ekster la kongresejo**

ĴAŬDO
(Canto General – Teatro Nacional)
Ekiro de la kongresejo: 19h15
Reveno al la hoteloj:
je la fino de la prezentado

## Kongresaj raportoj

### La nova Estraro respondis

Kvindeko da interesitaj gekongresanoj povis "intervjui" la novan Estraron de UEA jam en la mateno de la unua tago, kiam ĝi ekoficis. Ĉeestis prezidanto Probal Dasgupta, vicprezidanto Claude Nourmont (edukado, kulturo, kongresoj), ĝenerala sekretario Barbara Pietrzak (informado), Maritza Gutiérrez (landa kaj regiona agado), kaj Amri Wandel (scienca kaj faka agado). En la UK ne parrtoprenas estraranoj Loes Demmendaal (financo kaj administrado) aŭ Stefano Keller (eksteraj rilatoj).

Unue la estraranoj prezentis siajn planojn, kiujn karakterizas kontinueco, ĉar plimulto de ili laboris jam en la antaŭa periodo, kaj ankaŭ la novaj estis proksime ligitaj kun siaj agadkampoj kiel komisionanoj kaj estraranoj en iu pli frua periodo. La demandoj, kiuj leviĝas en ĉi-speca aranĝo, nature estas spontanaj kaj hazardaj laŭ la interesiĝo de ĉeestantoj. Ĉi-foje multan atenton ricevis la problemo kunlaborigi en monda skalo la gvidantojn de landaj asocioj kaj la manko de komisiono por kunordigi la agadon en Eŭropo simile al la jam tradiciaj komisionoj por aliaj mondopartoj.

Al la demando, ĉu la Estraro reagis al la lastatempa diskuto pri la revuo *Esperanto*, prezidanto Dasgupta respondis, ke la malnova Estraro transdonis al la posta la taskon revizii la principaron pri la redaktoropolitiko de la revuo, kaj retiris la nunan kontrakton kun Stano Marcek, redaktoro ekde 2002. Baldaŭ estos anoncita konkurso, en kiu ankaŭ aliaj povos kandidatiĝi por redaktoreco ekde 2011. Laŭ Edvige Tantin Ackermann la malnova Estraro ne estus devinta preni tiun decidon sed lasi ĝin al la posta. Ĝenerala sekretario Pietrzak klarigis, ke estis nature, ke la malnova Estraro eltiris la konkludojn el la longdaŭra diskuto, kiu okazis dum ĝia oficperiodo kaj ankaŭ ene de la Estraro mem.

La tuta 1,5-hora programero estis registrita por la Reta Kinejo de UEA.

**Osmo Buller (KN 75)**

### Spiritisma Asocio F. V. Lorenz

Kortuŝa kunveno organizita de Spirita Eldona Societo F. V. Lorenz de Brazilo okazis mardon en salono Lapenna. Spiritismo ekde kristana vidpunkto estas interesa afero. Vere la bonege enkondukita aranĝo flanke de la senlacaj societaj laborantoj João Silva dos Santos (KN 503) kaj Robinson Mattos (KN187) kaj de la preleganto, prof. Alfredo Durán, postulis nin, en frateca kunveno sub protekto de Jesuo la Kristo, starigi la homan bonaĵon. Honorigis la prelegon la ĉeesto de la elstara konsilanto de spiritismo en Kubo, kiu per salutmesaĝo deziris sukcesan renkontiĝon en Havano. La ĉeestantaro sciis ke en la urbo Kolón, provinco Matanzas, Kubo dum la jaro 1916 estis vigla grupo de esperantistoj, gvidata de s-ro Manuel Castillo, kiuj disvastigis spiritismon pere de sia internacia lingvo. Fine de la prelego okazis lotumo-donaco de diversaj materialoj de la eldonejo, ankaŭ Almanako Lorenz 2010.

**José Luis Montes de Oca, KN 902**

### Amerika Komisiono

Prezentiĝis bonaj novaĵoj ricevitaj el diversaj landoj de Ameriko. Martin Schäffer salutis kaj bonvenigis la partoprenintojn de la ILEI-seminario en Matanzas. Indas mencii ke ilia partopreno okazis danke al ricevita stipendio, kiun ricevis homoj el Bolivio, Peruo, Ekvadoro, Nikaragvo, Dominika Respubliko, Venezuelo kaj Meksiko. Okazis diskutoj pri pasintaj spertoj kaj pri planoj por la estonteco inter tiuj ĉi kaj kongresanoj el aliaj amerikaj landoj. Inter la planoj estas vojaĝo tra Latinameriko de Anneleen Nys el Belgio (KN 882) por informadi pri Esperanto kaj instrui ĝin (eblas sekvi ŝian vojaĝon ĉe annelunake.ipernity.com). Aliaj temoj estis prizorgado de interretaj paĝoj kaj tradukado de tekstoj al indiĝenaj lingvoj.

**Daniel Moreno, KN 88**

### Kongresa Temo

En la marda kunsido pri la kongresa temo oni pli detale pritraktis ĝin per dividiĝo en tri grupojn. Unu koncentriĝis pri la Esperanto-movado kaj kiel ĝi ebligas aliron al aliaj kulturoj, ekzemple per gastigado; tamen utilus interkultura trejnado. Alia diskutis tion kion UEA povus proponi al Unesko por atingi komprenemon inter kulturoj, ekzemple serion de informiloj (surrete) en kiuj diversaj homoj klarigus pri siaj propraj kulturoj, tiel forigante stereotipojn. Lasta – kaj tre vigla – grupo aliris la teoriajn aspektojn de la temo, cerbumante pri la signifo de kulturo kaj kiagrade eblas interkomprenigi kulturojn.

En la lasta kunveno en ĵaŭdo (10h15-11h45, Hodler) ni esperas atingi pli precizajn konkludojn.

**Geoffrey Greatrex, KN 595**

### Tago de la Lernejo

La seshora programo de la Tago de la Lernejo estis densa kaj riĉa, kun 16 prezentaĵoj kiuj transgamis ĉiujn kontinentojn. Sub la temo "La plezuro de lernado kaj instruado", la tago disvolviĝis laŭ tri subtemoj: "Ludoj", "Instruado" kaj "Projektoj". Sub "Ludoj" parolis pri rolludoj Stefan MacGill, pri interkulturaj ludoj Radojica Petrović, kaj pri kartludo por instrui lingvan diversecon François Lo Jacomo. Sub "Instruado" Renato Corsetti parolis pri la rolo de legado, Josef Ŝemer pri instru-ekzercoj, Julián Hernández pri paroligspronaj ekzercoj, Stano Marček pri rektmetodaj instruiloj, Gonzalo Collantes pri instruspertoj en Brazilo kaj Kubo, HORI Jasuo el Japanio pri Esperanto-Sumoo, kaj Héctor Jiménez Batista pri lingva talento kaj profesia kompetenteco. Finis tiun temblokon Sylvain Lelarge pri senseĝa instruado, kiu efektive elseĝigis la sepdekon da tiumomente partoprenantaj homoj. Pro tio la korelativa danco supozeble trairos la mondon.

Sub "Projektoj" Katalin Kováts raportis evoluojn ĉe edukado.net, Jenny Bishop pri aŭstralia projekto, Geoffrey Greatrex pri la brita projekto *Springboard*, kaj Elisabeth Barbay pri FRINGOJ.

Oni disdonis diplomojn al la kursanoj de la instruisto-trejna seminario dum la 43-a Konferenco de ILEI.

La buntan tagon fermis alparoloj de la prezidantoj de ILEI kaj UEA, kiuj inkluzivis dankojn al la prezentintoj kaj al la kunordiginto, Aurora Bute.

**Stefan MacGill, KN 622**

## Elimino de analfabeteco en Kubo

La Kuba Prelego de Maritza Gutiérrez temis pri la kuba alfabetiga programo nomata *Yo, sí puedo* (Jes, mi povas), kiu estas uzata en pluraj landoj por alfabetigo de personoj ene de la komunumo kaj en siaj propraj gepatraj lingvoj. Tia programo jam efektivigis la forigon de analfabeteco en Venezuelo kaj Bolivio.

**Miguel B. Vianna, KN 595**

## Saniĝo per spiritaj fortoj

En la prelego "Saniĝo per spiritaj fortoj laŭ la instruo de Bruno Gröning", d-ino med. E. Büker prezentis dokumentojn pri du saniĝoj: unue de malbona aŭdkapablo kaj due de ostoporozo. Detlef Meier raportis pri sia saniĝo de perturboj de la manĝokutimoj. Helpe de la instruo de Bruno Gröning li povis eviti la antaŭtempan pensiuliĝon en la aĝo de nur 31 jaroj. Krome oni montris, kiel ĉiu povas mem akcepti la spiritan sanigoforton. La lasta ĉi-tema prelego okazos vendredon je 16h30 en salono Broccatelli.

**Detlef Meier, KN 499**

## Kvindeko da homoj pri katoj



La kunsidon de Esperantista Kat-amikaro malfermis demando, "Ĉu vi vidis katojn en Havano?". Ĝi kondukis al diskuto pri ebla solvo por la kata troloĝateco. Kiel ebla solvo estis menciita kastrado, sed prefere ne operacii la katon post ĝia 6-a vivmonato.

La viglan kunsidon, kiun ĉeestis preskau kvindeko da katemuloj, gvidis Francisco L. Veuthey (KN 87). Clay Magalhães (KN 73) montris projekciaĵon de nun presata kolora numero de *Folioj de Kat-amikaro*, la organeto de la Rondo. Veuthey legis el ĝi i.a. pri Casper, kato el meza Anglio, kiu regule "malaperis" por meminiciate preni buson. Ana Montesinos, kiu ankau vivas en Anglio, sugestas utiligi katojn por instrui la komparativon kaj superlativon: "Tiu ĉi kato estas pli bela ol tiu alia", sed "Mia katino estas la plej bela el ĉiuj, kompreneble!"

**Francisco L. Veuthey (KN 87)**

## Teatraĵo Almanza

Sub la titolo *Esperanto por ĉiam* la renoma kuba aktorino Georgina Almanza per kantoj, verva deklamado de klasikaj poemoj (i.a. "La vojo"), kaj rakontado de absurdaj anekdotoj prilumis por la ĉ. 80-kapa aŭskultantaro la esencon de la vivo mem. La publiko arde aprezis la profesian prezentadon.

**Tomas Jansson, KN 228**

## Fervojistoj

Dimanĉon posttagmeze eŭropanoj partoprenis la kunvenon de la fervojistoj. S-ino Sylviane Lafargue, vicprezidanto de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF), legis la raporton de István Gulyás, kiu pro malsano ne povis flugi al Kubo. Poste ŝi raportetis pri la lasta IFEF-kongreso okazinta en Sofio dum majo. Sekvis kelkaj neformalaj diskutoj.

**Sylviane Lafargue, KN 143**

**DONACKUPONO 33 CUC**

UEA anoncas, ke la valoro de la libroserva donac-kupono por kubanaj gekongresanoj estas 33 CUC. La kubanoj povas uzi ĝin kiel pagilon por aĉeti librojn, diskojn k.a. varojn en la libroservo. Oni ne povas ŝanĝi la kuponon al mono. Ankaŭ eventualan neuzitan parton de la sumo oni ne ricevas kiel monon (t.e. se la aĉetaĵoj valoras malpli ol 33 CUC).

UEA elkore dankas al ĉiuj, kiuj kontribuis al la kampanjo "Libroj por Kubo", tiel ebligante tiun ĉi solidaran donacon!

## Faka Forumo

José Antonio Vergara klarigis ampekse la aktualan situacion de faka agado en la movado. Ĉiuj partoprenantoj pridiskutis la aferon. S-ro Wandel el Israelo enkondukis la temon pere de kelkaj ekzemploj. La partoprenantoj konkludis ampleksigi kaj profundigi en la diversajn fakojn.

**Roberto Torres, KN 766**

## Kimono: japana artaĵo

Komence de tiu ĉi japana ero de la Kleriga Lundo, en salono Canuto kun kvardeko da partoprenantoj, la gvidanto unue prezentis la historion de la kimono.

Due prezentiĝis kelkaj modelistinoj kaj modelistoj en nuntempaj kimomoj, de ceremoniaj formalaj pompaj ĝis leĝeraj ĉiutagaj. La prezo de fraŭlina kompleto *hurisode*, minimume 3000 eŭroj, surprizis la publikon.

Trie vestis per *yukata*, somera leĝera kimono-tipa vestaĵo, la publiko. Ne nur virinoj sed ankaŭ multaj viroj spertis la vestiĝon, kaj la ĝenerala intereso de la publiko estis grandega.

**KIKUSIMA Kazuko, KN 144**

## Blinduloj

Mardon je 10h00 okazis renkontiĝo inter blindaj esperantistoj kaj kubaj blinduloj. Ni vizitis la kulturan centron de ANCI (nacia asocio por blinduloj kaj malfortvidantoj). Tie estas centrala biblioteko por blinduloj, kun diversaj servoj por ili. Ni vizitis ankaŭ la brajlan eldonejon, kie kubanoj montris al ni la procezon por eldoni librojn. Poste la prezidanto de ANCI donis al ni informojn pri historio, laboro, atingoj kaj malatingoj de tiu asocio, kaj okazis interesa interŝanĝo.

**Niurka Alonso, KN 207**

## IKU pri lingvaj rajtoj

La prelego de d-ro Kadoja Hidenori pri lingvaj rajtoj en rilato kun Esperanto estigis tutan aron da pripensindaj demandoj ne nur pri la temo mem, sed ankaŭ pri la lingvouzo kaj la aliro de esperantistoj al pli internacia kaj simpla lingvaĵo. Foje iuj el la pensoj esprimitaj en la prelego respeguliĝis ia skematismo mensa kiu povas esti iel malfacile komprenebla. Tamen, la tuta prezentado kaj ties sekva prikomentado atestis pri alta nivelo enhava kaj riĉa, funda kaj matura engaĝiĝo en la lingvo.

**Juan Lázaro Besada Toledo, KN 722**




# Havana Karavano

KONGRESA KURIERO DE LA 95-A UNIVERSALA KONGRESO

N-ro 5 Vendredo, 23-a de julio 2010


## Ĉu cenzuro eĉ en la Kongresa Kuriero?

Mi verkis kelkajn liniojn pri la kunveno "Estraro sin prezentas": ili ne aperis en la 4-a numero de *Havana Karavano*. Aperis tamen raporto de la ĝenerala direktoro, Osmo Buller. Ja, lia raporto certe pli sekvis la nunan politikan sintenon de la gvidorganoj de UEA, sed ĝi prezentis nebone la kunvenon (en kiu partoprenis malpli da homoj ol li indikis) kaj precipe mian intervenon pri la "Stano Marček"-problemo. Kaj poste oni sin demandas, kial la nombro de membroj de UEA malaltiĝas, kaj kial novaj homoj ne kandidatiĝas por renovigo de nia tuta agado. Ĉu ia "strategia plano" ĉi-rilate fare de stranga lobio?

**Edvige Ackermann, KN 335**

***La redaktoro respondas:*** *La kontribuaĵo de s-ino Ackermann pri la koncerna kongresa evento estas nun metita en PDF-formato ĉe http://dl.dropbox.com/u/1107821/esp_ackermann.pdf, kie ĉie ret-konektata kongresano povas legi ĝin kaj eble pli bone kompreni kial la raporto de s-ro Buller estis preferita kaj aperigita. Certe influis ke li estas la direktoro, sed tio ne estis ĉio. Mi ĉiuokaze sincere dankas al s-ino Ackermann, ke ŝi tiel ĉi sugestis la eblon simile meti neaperigitajn kontribuaĵojn al la Kongresa Kuriero en rete legeblan PDF-dosieron, kies TTT-adreso aperos en la lasta numero en sabato. Mi pardonpetas pro neeblo enmeti ĉion, kutime pro manko de spaco en la nuraj kvar paĝoj, kaj mi aparte pardonpetas pro neaperigo de la suba artikoleto de Emilio Cid, kies ellaso estis nek intenca nek prikonsciata, sed nur akcidenta. Estas bedaŭrinde malfrue por diri la jenon, sed mi tamen esperas ke kiel eble plej multaj kongresanoj agos laŭ la kuraĝigon de s-ro Cid kaj partoprenos la proponitan informan kampanjon.*

## Gazetara Kampanjo ĉirkaŭ la UK

Kongresano ne perdu la okazon rakonti al la gazetaro de via regiono pri la travivaĵoj kaj spertoj dum la UK: vd. http://gazetaro.co.nr.

**Emilio Cid (BR)**

## Programaj anoncoj

### Gravaj informoj pri KER-ekzamenoj

Ni informas la kandidatojn, ke la skriba parto de la KER-ekzameno okazos vendredon, ekde la 11-a horo.

C1-nivelo 11h00-16h00 en salono Jáki
B1-nivelo 11h00-14h00 en salono Broccatelli
B2-nivelo 11h30-15h00 en salono Broccatelli

Ni petas ĉiun kandidaton aperi antaŭ la indikitaj salonoj dek minutojn pli frue ol la komenco de la ekzameno. Nur tiuj rajtos ekzameniĝi, kiuj plenigis la aliĝformularon antaŭ la fino de la tago en ĵaŭdo kaj pagis la ekzamen-kotizon ĉe la kaso. Pri tio necesas kunpreni la kvitancon.

La dua sesio okazos vendredon, tuj post la skriba parto de la ekzameno, en la ĉambro Ortiz. Aparta aliĝo ne necesas.

Sukcesan ekzameniĝon al ĉiu kandidato.

**Katalin Kováts, KN 512**

### Gefratoj Italoj / Italoj Vekiĝis

Akcepto de la itala ambasadoro por italoj kaj geamikoj. Matenmanĝejo de Hotelo Palco vendredon la 23-an, je 18h30. Aŭtobuso al la Internacia Arta Vespero atendos la ĉeestantojn poste.

**Renato Corsetti, KN 412**

## Kongresaj raportoj

### Junularo ekskursis HEJMEN

Kadre de la Junulara Programo spontane organiziĝis merkreda ekskkurso HEJMEN: la Havana Esperanto-Junularo Malmultekosta Ekskurso Neoficiala. Antaŭ la hotelo Neptuno-Tritón kunvenis matene 29 gejunuloj kaj per la loka transporto ekveturis al la centro de la malnova urbo. Tie oni dum la tago vizitis multajn vidindaĵojn (inkluzive de Zamenhof-tabelo), bone maĝis en restoracion kaj en la fama glaciaĵejo Coppelia, trovis geokaŝujon (sekreta trezoro de tutmonda ludo) kaj fotiĝis kun la lumturo – la simbolo de la kongreso. Fine oni revenis ja hejmen, ĉiu al sia hotelo.

**Marek Blahuš, KN 855**

## TADEN-kunveno

Dek ses kongresanoj el naŭ landoj ĉeestis la kunvenon de la nefumantoj, mardon je 16h15 en Middelkoop. El la estraro aperis nur la sekretario. La retprizorganto Bart Ruigrok pro malbona sanstato devis rezigni. Kun Jiří Rada (CZ) li fondis Tutmondan Agadon de Esperantistaj Nefumantoj kun la periodaĵo *Puraj Pulmoj*. En 1996 TADEN iĝis asocio sub prezido de Nora Moerbeek kaj ekkunlaboris kun UEA, kies Centra Oficejo ankoraŭ multe helpas. El la ĉ. 80 interesatoj nur ĉ. 20 kotizas, kio grandigis la deficiton ĝis ĉ. 1000 eŭroj. Kontraŭe, pluraj membroj pagis eĉ tri- aŭ kvaroblon de la malalta kotizo. Nepagantoj ricevas almenaŭ la resuman lastan numeron de la jarkolekto.

Paneo en la komputilo de Bart Ruigrok kaŭzis la perdiĝon de la tuta retadresaro, kio malebligas liveron de la ceteraj numeroj al nepagantoj. Tial gravas sendi sian retadreson al <r.moerbeek@online.nl>.

Cetere ni priparolis la situacion de fummalpermesoj en la diversaj landoj. Ĝenerale ĝi progresas en eŭropaj landoj, almenaŭ en fermitaj publikaj ejoj. Aliflanke en konsumejoj fermitaj ĉambroj estas ofte destinitaj por fumantoj sen plena konsumservado. Tamen la observigo de la leĝoj tre lamas, precipe en Rusio. En Japanio tamen certaj stratoj iĝis fumliberaj. En Germanio kaj Svislando la situacio varias laŭ la federaciaj landaj aŭ kantonoj. Gravan sciiĝon ni ricevis de d-ro Imre Ferenczy <iferdr@t-online.hu> pri pulm-trejna inhalilo, kiu povas resanigi spirorganojn.

**Rob Moerbeek, KN 126**

## LIBE-kunsido

Dudekopo el 16 landoj partoprenis la kunvenon de LIBE (vidhandikapitoj) je 17h15 en Middelkoop. Post la kutima sinprezento de la ĉeestantoj, la kasisto Pier Luigi Da Costa (KN 650) skizis la laborojn de LIBE, klarigante ke pro la neceso havigi al si bonan akompananton kaj samtempa IKBE (blindulkongreso) en Vieno (AT) ĉi-foje ĉeestas malmultaj. Grava kontaktilo estas *Esperanta Ligilo*, aperanta brajle, kasede, interrete. Krome funkcias retpaĝaro, http://www.libe.narzan.com). Ĝenerale en la movado regas helpema sinteno.

La parolon ricevis Radojice Petrović, estrarano de ILEI. Li rakontis pri ĵusa komuna seminario en Slovakio, en kiu du finnaj junulinoj tre kontentige lernis Esperanton laŭ la freŝdate brajligita rektmetoda libro de Stano Marček.

Rilatojn kun la granda kupola Eŭropa Blindula Unio subtenas la LIBE-prezidanto Arvo Karvinen, aktiva ankaŭ en la Socia-Kultura Sekcio de EBU, fakto menciita ankaŭ en la Faka Forumo. La dua plej longedaŭra periodaĵo en Esperanto estas ĝuste *Esperanta Ligilo*, atentigis la iama LIBE-prezidanto Aldo Grassini: *EL* ekaperis en 1904, mallonge post *Espero Katolika*.

Antaŭe multaj lernis en blindullernejoj, i.a. tiu en Beogrado, kiu klerigis i.a. la vicprezidantinon Nedeljka Ložajić kaj fakulon pri legebligo de retpaĝoj por blinduloj Gradimir Kragić. Nun Interreto kaj komunaj seminarioj povos alporti freŝajn fortojn.

**Rob Moerbeek, KN 126**

## Meza Oriento kaj Norda Afriko

Kunsido de la Komisiono pri Meza Oriento kaj Norda Afriko (en la Kongresa Libro Araba Komisiono) okazis la 22-an de julio kun partopreno de dudeko da kongresanoj. Oni klarigis pri la agado de la komisiono en tiu mondoparto kaj alvokis al agado pere de ĵurnalaj anoncoj en tiuj landoj. Tiucele la esperantistoj kontribuu per donacoj al la konto “Arabio” de UEA.

**Renato Corsetti, KN 412**

## Scienca kaj Faka Agado

La subkomitato pri scienca kaj faka agado, sub gvido de Aurora Bute kaj Amri Wandel, kunvenis en mardo. Partoprenis dek ses personoj, ok el ili komitatanoj.

La subkomitato traktis tri temojn:

1. La retlisto “Scienca kaj Faka agado de UEA” havas du ĉefajn celojn: komunikado inter kaj kun la fakaj asocioj, kaj informado pri scienc-kaj fak-rilataj temoj inter la listanoj – ĉu reprezentantoj de fakaj asocioj, ĉu individuoj. La listo sufiĉe kontentige funkciadis dum la lastaj jaroj sed estas dezirinda eĉ pli intensigi kaj variigi la trafikon de mesaĝoj, aparte pliigi debaton kaj pli enplekti la fakajn asociojn. Tiucele la fakaj asocioj kontrolu kaj laŭnecese ĝisdatigu siajn kontaktadresojn en la listo.

2. Konstatinte la kreskantan gravecon de la Esperanta Vikipedio, ĉiuj fakaj asocioj verku priskribon de sia organizaĵo kaj agado cele de aperigo en Vikipedio, kaj publikigu ĝin al la listo Scienca kaj Faka Agado.

3. Scienca raporto por Unesko – pri scienca agado en kaj per Esperanto. La invito liveri tiun raporton naskiĝis antaŭ unu jaro dum rendevuo inter A. Wandel kaj s-ino Yolanda Berenguer, kunordiganto de la Unesko-spac-programo kaj respondeculino pri la Internacia Jaro de Astronomio (*Esperanto*, septembro 2009). Por esplori la eblojn de kunlaboro inter UEA kaj la scienca sektoro de Unesko, oni interkonsentis ke s-ino Berenguer dissendos al siaj kolegoj en la scienca sektoro dokumenton preparotan de UEA, kiu prezentos la scienc-rilatan agadon per Esperanto, laŭeble ankau pri temoj flegataj de Unesko, kiel ekologio, agrikulturo, oceanologio, spac-ekpluatado por pacaj celoj, scienca kunlaboro en trimondaj landoj ktp. Por prezenti Esperanton en la scienca sektoro de Unesko, en kiu UEA ĝis nun apenaŭ havis kontakton, la subkomitato proponas nomumi teamon kiu respondecu pri la preparado de tiu raporto.

**Amri Wandel, KN 915**

## Fino de la kongrestemaj diskutoj

En la lasta kunsido pri la kongresa temo, la ĉeestantoj diskutis malnetan rezolucion preparitan de la reĝisoro de la kongresa temo. Oni proponis plurajn utilajn ŝanĝojn kiujn oni tuj faris; necesos poste ke la rezolucia komisiono ĝin pritraktu kaj ke la Komitato de UEA ĝin aprobu. Dum la alia duono de la kunsido oni debatis pri kiel plej efike antaŭenigi interkomprenon inter popoloj. Evidentiĝis ke estas granda intereso por ke grandskala kongreso kiel UK pritraktu la temon “Kulturo” kaj permesu al partoprenantoj ĝisfunde konatiĝi kun fremdaj kulturoj.

**Geoffrey Greatrex, KN 175**

**Transporto por la vesperaj aranĝoj ekster la kongresejo**

VENDREDO
(Internacia Arta Vespero – Teatro Nacional)
Ekiro de la kongresejo: 18h45
Reveno al la hoteloj:
je la fino de la prezentado

## Centjariĝo de Esperanto en Kubo

La preleganto Juan Ramón Rodríguez (KN 83) klarigis ĉion rilate al la centjariĝo de Esperanto en Kubo kaj la poresperanta agado en Kubo antaŭ la oficiala fondiĝo de KEA. Li montris multajn dokumentojn originalajn, kiuj pruvas la ekziston de revuoj, kaj aliajn, kiuj celis la disvastigon de Esperanto nialande. Elstariĝis reprodukto de portreto de Zamenhof farita de juna kuba pentristo de la frua epoko.

**Pedro Fernández, KN 689**

## Esperantologia Konferenco

Inter la aliaj prezentoj de la Esperantologia Konferenco, prof. Kiselman (KN 460) pritraktis interesegan temon: kiaj estas la diversaj variaĵoj de Esperanto kaj la “pra-esperantoj”, kaj la reformo-proponoj. Kelkfoje oni ne konscias pri tio, kiom da esploro kaj kiom da provoj faris Zamenhof dum jaroj, unu ekzemplo estante la ina finaĵo *-aŭ* en la varianto de 1881. Bedaŭrinde la tempo ne sufiĉis por analizi ĉion kun tiom da detalemo kiom la temo meritas. Brila prelego!

**Alberto García Fumero, KN 702**

## Eddy Raats en aŭtora duonhoro

Belstile kaj perfekte kompreneble, Eddy Raats ĝuigis nin kun siaj rakontoj eltiritaj el lia libro *La longa vojaĝo*. Oni vidas lin, liajn timojn, kuraĝon kaj malfacilaĵojn. Kaj mi pensas, kiam mi rigardas rideton de Eddy, ke tiu infano eterne akompanas lin kaj foje kaj neatendite dancas mirakle antaŭ ni.

**Ricardo Salazar Crespo, KN 324**

## Kunsido de EJA

Je 10h45 ĵaŭdon en salono Jáki, sub prezido de d-ino Urueña (KN 251) kunsidis dudek personoj por trakti jurajn temojn. D-ino Urueña unue prezentis la historion de la asocio kaj de nia revuo *Jura Tribuno Internacia*, kies ekzempleroj laste eldonitaj estis distribuataj inter la ĉeestantoj.

Oni raportis pri la pasintjara kunsido okazinta en Bjalistoko, kaj estis elektita nova estraro por gvidi la asocion, konsistanta el d-ino Urueña, prezidanto; d-ro Luis L. Cordove Arellano, sekretario; d-ino Antoaneta Nikolaeva, voĉdonanto. Laŭ propono de d-ro Osibov el Kroatio, oni intencos venontjare organizi debaton pri la kortumaj sistemoj de diversaj landoj.

**M. Rafaela Urueña, KN 251**

## Rezultoj de Belartaj Konkursoj 2010

POEZIO
Dua premio: por “Antaŭ via foriro” al Josip Pleadin, Kroatio. Tria premio: por “Ekzistas ie kaŝita loko” al Josip Pleadin, Kroatio.

PROZO
Unua premio: por “En katedralo” al Edmund Grimley Evans, Britio. Dua premio: por “Verda ondado” al Sten Johanson, Svedio. Tria premio: por “La deturniĝo” al Luiza Carol, Israelo. Honora mencio: por “Rulseĝo” al Paulo Sergio Viana, Brazilo.

TEATRO
Tria premio: por “Kiu kaĉon aranĝas, tiu ĝin manĝas” al Lena Karpunina, Rusio. Honora mencio: por “Kroka paradizo” al Stefan MacGill, Hungario. Honora mencio: por “Princino Seka Diazbeti” al Adrienne Pásztor, Hungario.

ESEO
Unua premio: por “Vortfarado kaj radikfarado” al Christian Rivière, Francio. Dua premio: por “L’espero, l’obstino kaj la pacienco” al Doron Modan, Israelo. Tria premio: por “La literatura vivigo de Esperanto” al Paulo Sergio Viana, Brazilo.

INFANLIBRO DE LA JARO
“Reĝo Maĉjo la Unua” eldonita de Tomasz Chmielik, Pollando.

KANTO
Unua premio: por “Senlimiĝis” al Duoble Unu. Dua premio: por “Surplacen venu vi” al Kaj Tiel Plu.

FILMO
Ankoraŭ ne anoncite.

**Aŭtoraj Duonhoroj**

## Humphrey Tonkin



Ĉu necesas ankoraŭ prezenti Humphrey Tonkin? Renkontu lin dum aŭtora duonhoro, kie li rakontos pri la anglalingva mallongigo de la biografio de Zamenhof de Korĵenkov, kiun li redaktis, kaj ankaŭ pri *Modernaj Robinzonoj* de Soros en angla kaj itala vesto.

***Vendredo 15h00-15h30***

## Amri Wandel



Kiam Amri ne sciencumas pri nigraj truoj aŭ pri la Internacia Kongresa Universitato, li tradukas jen israelajn kantojn kaj jen infanlibrojn. Lastatempe li verkas sian duan libron pri Astronomio – *La Universa Lingvo*. Ĉi-duonhore Amri dividos kun vi spicajn rakontojn pri tiuj siaj literaturaj kaj sciencaj entreprenoj.

***Vendredo 15h30-16h00***

## Festparolado de Probal Dasgupta ĉe la Solena Inaŭguro de la 95-a UK

*(daŭrigita)*

Unu homo multe fortostreĉinta por alporti tiun komprenon estis Tibor Sekelj. Li vojaĝis ĉien, parolis kun ĉiuj, kaj senlace verkis pri siaj spertoj kaj konversacioj. Ekzemple, en la ikona porinfana verko *Kumeŭaŭa, filo de la ĝangalo*, Sekelj montras sin lernanta de la sudamerika indiĝenpopola knabo Kumeŭaŭa, kies intelekta mentoro estis pliaĝulo el lia popolo, 'maljuna Maloa'. Sekelj certe ekzemplis la iom troan ekzotikismon de siaj tempo kaj loko. Sed ene de komprenindaj limoj li heroe strebis rompi murojn, vastigi konversaciojn kaj devigi la nordon kaj la sudon lerni unu de la alia.

Iuj gvidaj figuroj en la eŭropa esperantista junulàro en la sesdekaj jaroj lanĉis novan tipon de konversacio kun la sudaj landoj. Tiu generacio identigis ĉi-rilate du celojn. Unuflanke ili laboris por plikonsciigi la civitanojn en la nordaj landoj kaj intensigi la konkretan evoluhelpadon al la sudo. Aliflanke ili strebis por ke la sudajn voĉojn en Esperantujo la nordaj agantoj akceptu kiel dignajn kamaradojn, kaj ja ne kvazaŭ humilajn ricevantojn de helpo. De ilia deklaracio de Tyresö ĝis la posta-generacia manifesto de Prago, ni spertis evoluon for de naiva mond-unueciga idealo al la akcepto de regiona plurismo kaj de ekologia niĉaro kaj ciklaro. Tio estas logika sekvo kaj daŭrigo de la agado de la generacio de Tyresö.

La efikon de la laboroj de la generacioj de Tyresö kaj Prago sur la esperantistan konversacion inter konversacioj ni ankoraŭ ne sukcesis vere digesti. La psikologion en Esperantujo regas ankoraŭ la budapeŝta kaj skota skoloj, kiuj malgraŭ persona bonvolemo ne ĝiskapablis akcepti la sudajn voĉojn kiel egalajn partnerojn. Kaj dume, trafis nin la leviĝo de alia maniero konversacii – la interreto!

Ni eble komencis pensi, ke ni komencas lerte manipuli la stirilon de monda movado por serioza reedukiĝo al planedana konscio. Sed ĝuste en tiu momento la interreto, kaj ties multkanala interŝanĝado de bildoj, sonoj, kunkroĉe kun dokumentoj, draste malfaris la iaman seriozecon de la edukaj kaj kulturaj sistemoj. En la nuna generacio, la esperantistoj serĉas kulturajn ikonojn ne tiom en libraj tekstoj, kiom sur la kompaktaj diskoj, kie kreiĝas muzika noveco. Bertilo Wennergren estas eble la sola hibrida figuro, same rokmuzika kiel vortarista. Ĝenerale la hodiaŭaj atingantoj devas elekti, ĉu steli sur la distra-amuzindustria ekrano aŭ ĉu fosi la tradician tekstan sulkaron.

Nia tradicia esperantista konversacio inter konversacioj alfrontis en sia historio malamikojn potencajn. Sed ni de longe povoscias interveni por antaŭenigi la edukan kaj institucian maldiskriminacion, la sisteman estimon al ĉies homaj rajtoj kaj aliajn ĉiesigajn celojn. La aktuala demando estas, kiamaniere nia stilo kresku por atingi ion similan en la malsistema epoko de tiu ĉi eduk-amuza – ni nomu ĝin la *edmuza* – industrio.

Estas nova fenomeno la edmuza industrio, kiun ni ja ne pentru kvazaŭ meduzon. Ne nur ni esperantistoj, sed ankaŭ aliaj kulturaj movadoj komencis fosi novajn sulkojn tiuterene. Ne estas nova la ludo de eduka amuzado; nia Claude Piron scipovis verki kaj serioze kaj krimromane, kaj mi ĵus menciis Bertilon Wennergren. Resume dirite: niaj pintaj unuopuloj adaptiĝas kaj jam lerte elpaŝas en generacio post generacio. La esperantista socio devas zorge aŭskulti, spekti, kaj eĉ legi tiujn sukcesulojn kaj ligi ilian kreskadon al nia movada strebado al maldiskriminacia kultura etoso ebliganta la ĉiesan observadon de homaj rajtoj kaj plenumadon de homaj bezonoj sur krizanta planedo.

Mi persone pensas, ke urĝe necesas metodo por traduki tiujn unuopulajn atingojn en pli ĝeneralan rekomprenon de niaj laboroj. Tiu rekompreno devos havi radikojn en la pasinteco kaj vivipovajn foliajn flugilojn, kiuj birdos en novan ĉielon.

Tiucele mi proponas al vi, sinjorinoj kaj sinjoroj, uzindan strategion, kiu aperas en la malneta strategia laborplano ekzamenota en la komitataj kunsidoj dum tiu ĉi kongreso. Mi aludas al la Projekto Vizaĝoj. Kion celas tiu projekto?

Mia tezo estas, ke vizaĝojn de grandaj atingintoj oni facile rekonas, kaj pere de ili oni komencas pli klare ekkoni la idealojn, kiujn ili evoluigis en siaj ekzemplaj vivoj. La esperantista dialogo kompreneble celas elstarigi ĝuste la plej dialogajn vizaĝojn. Mi jam menciis Sekelj. Anstataŭ skeme paroli pri tiu aŭ alia skolo mi nomu Auld, Kalocsay, Baghy, Urbanova, Montagut, Declerck, en la tradicia, libra kulturo. La oficiala versio de la Projekto Vizaĝoj provizore proponas la produktadon de vikipediaj tekstoj kaj de iuj paperaj dokumentoj kaj libroj sur tiu bazo. Sed ni planas reintertrakti la detalojn de nia malneto dum unu jaro. Ĉu vi ŝatas la ideon, ke niaj rokmuzikaj, filmaj, teatraj steluloj inĝenie kreu plurmodajn artaĵojn por pli efike konatigi niajn vizaĝojn?

Kompreneble ĉiu lando devas elstarigi ankaŭ proprajn vizaĝojn. Kaj mi de longe pledas por tio, ke la esperantistoj zorge elektu aliancanojn kaj prezentu ankaŭ iujn neparolantojn de Esperanto kiel pintajn amikojn de, kaj kontribuintojn al, nia universalisma afero. Mi persone sekvos kun granda intereso la decidojn de kubaj esperantistoj pri la vizaĝoj elstarigotaj. La nordo povas lerni de tiu ĉi ikona suda lando i.a. novajn metodojn de mastrumado de organika agrikultura sistemo. Eble iuj esperantistaj verduloj persvados niajn kubajn samideanojn elstarigi la vizaĝojn de iuj organikaj agrikulturistoj, kiuj ne mem lernis Esperanton, sed kies aliancanecon ni povas rikolti? Tio estas nur ekzemplo, pri kiu mi aŭdis. Bonvolu pliklerigi min – kaj nian komitaton – dum la kongreso, kiu nun komenciĝas, geamikoj. Ni venas al kongresoj por *lerni* de vi ĉiuj en kaj ekster la salono.

Dankon pro via atento. 



# Havana Karavano

KONGRESA KURIERO DE LA 95-A UNIVERSALA KONGRESO

N-ro 6 Sabato, 24-a de julio 2010

## REZOLUCIO DE LA 95-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

La 95-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninta en Havano (Kubo) kun 1002 partoprenantoj el 59 landoj,

*konsiderante,* ke Unuiĝintaj Nacioj deklaris la jaron 2010 jaro de interproksimigo de kulturoj,

*konstatas*

– ke la diverseco de kulturoj en la mondo grave kontribuas al la riĉeco de la homaro,

– ke jam dum 123 jaroj Esperanto kiel neŭtrala lingvo helpas konstrui pontojn inter popoloj kaj kulturoj, kaj

– ke la Universalaj Kongresoj de Esperanto, kunigante homojn el plej diversaj landoj tra la mondo, mem atestas tiun kapablon konstrui pontojn,

*deklaras* la deziron de Esperanto-parolantoj kunagi kun Unuiĝintaj Nacioj kaj Unesko por stimuli komprenemon inter popoloj kaj samtempe protekti la identecon de ĉiuj homgrupoj, kaj

*invitas* Unuiĝintajn Naciojn kaj Uneskon plene eluzi siajn rilatojn kun Universala Esperanto-Asocio por plej efike realigi siajn celojn.

## Oratora Konkurso

Malgraŭ la frua horo (el junulara vidpunkto), ses junuloj venis por elprovi sian retorikan talenton en la ĉi-jara Oratora Konkurso. Ĉiuj partoprenantoj havis taŭgan lingvonivelon, kaj valoros, ke ili daŭre klopodu plispertiĝi kaj plilertiĝi pri parolado antaŭ publiko.

La unuan premion ricevis Rogier Huurman (KN 181) el Nederlando, parolante pri la temo “Ĉu la homo povas influi la naturajn fenomenojn?” La dua premio iris al KIM Young-Long el Korea Respubliko, kiu traktis la temon “Kiel povas roli Esperanto en la interproksimigo de kulturoj”. La ĵurio ankaŭ atribuis honoran mencion al Alexandre Serafim el Brazilo, kiu traktis la saman temon kiel la gajninto de la unua premio.

**Claude Nourmont, KN 70**

## Rezultoj de KER-ekzamenoj

La 13-an sesion de la novtipaj KER-ekzamenoj de UEA trapasis 37 kandidatoj el 10 landoj: 7 kandidatoj je nivelo B1, 19 je nivelo B2 kaj 11 je nivelo C1.

Elstaris la 13 kubaj esperantistoj, kies ekzameniĝon ebligis malavara financa subteno de UEA kaj deko da esperantistoj el Eŭropo kaj Brazilo. Per tiu ĉi sesio la sistemo havas ĝis nun 216 ekzamenajn eventojn el 34 landoj.

Sukcese disvolviĝis la aranĝoj de la porinstruista retejo www.edukado.net. La dunivele aranĝitajn paroligajn kursojn partoprenis tage ĉ. 150 personoj, la du prezentprogramojn pri la nova paĝaro kaj pri la aŭtune lanĉota reta trejnkurso por instruistoj (RITE) kaj la informprelegon pri la ekzamenoj sekvis ĉiufoje plurdeko da esperantistoj. La kongresanoj volonte lernis novajn aferojn kaj uzis la lingvon dum

gvidataj konversacioj, kaj deko da jamaj instruantoj kaj kursgvidantoj kvazaŭ spione provis ellerni la prezentitajn teknikojn. Al pluraj kongresanoj mankis la pionĉiloj, tial edukado.net decidis sekvontjare denove organizi la paroligan ludon PINĈILUMADO.

La redaktoro de la retejo atendas ĉiujn interesatojn en la septembre lanĉota nova paĝaro.

**Katalin Kováts, KN 512**

## La sukceso de la Gazetara Kampanjo pri la Havana UK dependas ankaŭ de vi

Ankaŭ nunjare kun granda espero pri sukceso estis relanĉita la Gazetara Kampanjo pri la Havana UK. Jam antaŭkongrese multaj esperantistoj ligis kontakton kun siaj lokaj amaskomunikiloj por atentigi pri la 95-a UK de Esperanto dediĉita al aparte pensiga demando: "Interproksimigo de kulturoj". Ĝi speguliĝas en la Kongresa Rezolucio, kiun ni tamen malrekomendas sendi al viaj amaskomunikiloj rekte. Prefere en la informo sendota de vi aludu al iuj ĝiaj facetoj konforme al viaj lokaj informbezonoj.

Neniu hezitu, revenante al sia loĝloko, kontakti ĵurnaliston por informi, ke ĵus finiĝis la aranĝo, kiu al 1002 personoj el 59 landoj ebligis komuniki sen la bezono utiligi interpretistan servon. Tiu komunikado jam la 95-an fojon dum UK rilatis ne sole al la amikaj rendevuoj, partopreno en kulturaj kaj turismaj programeroj, sed krome en la serioza traktado de la labora parto de la kongreso. Konsistigis ĝin debatoj pri la kongresa temo, prelegoj de Internacia Kongresa Universitato, kaj dekoj da programeroj ligitaj kun faka agado.

Ne forgesu mencii, ke la kongreso donis la ŝanĉon al amaso da diverslandaj kongresanoj konatiĝi kun la kuba kulturo, kun la realo kaj beleco de la kongresa lando kaj ĝia ĉefurbo Havano.

Verkante vian informan mesaĝon konsultu nepre la adreson: http://gazetaro.co.nr. La informojn pri konkretajn rezultojn de via kontribuo al la GK-2010 atendas krome la subskribantoj.

**Barbara Pietrzak, estrarano pri informado (KN 72)**
**Emilio Cid, GK-komisiito (cid.emilio@gmail.com)**

## 95-a UK – bona okazo!

Ĉiuj konsentas pri la sukceso de nia 95-a Universala Kongreso en Havano. Dum koridora intervidiĝo, s-ro Iván R. Landívar Velázquez (KN 797), la sola kongresano el Ekvadoro, asertis ke li "persone povas atesti ke Esperanto ne estas lingvo por movado, sed movado kun sia propra lingvo: nekredebla kultura fenomeno kiu kunigas homojn, sentojn, pensojn. Ĝi montras ke landaj registaroj povas esti malamikaj inter si, sed neniam la popoloj."

Fine li diris ke la UK estis "bone organizita flanke de UEA kaj KEA". Ankaŭ pro tiu afabla komplimento ni danku al s-ro Iván.

**José Luis Montes de Oca, KN 902**

# Programaj anoncoj

## Novaj ludoj

Aperis du novaj ludoj por E-kluboj, familioj aŭ amikaj rondoj. AFIKSUM kaj VORTEM estas ludeblaj de 3 ĝis 8 ludantoj (kaj eĉ pli, se ludata teame). Ambaŭ adapteblas al la lingvonivelo de la grupo, ekde komencintoj ĝis spertuloj. La ludprincipo: dum turniĝas la ligna turbeto, oni trovu vortojn kiuj entenas la afikson aŭ grupon de literoj skribitan sur la karto.

AFIKSUM kaj VORTEM estas elpensitaj kaj fabrikitaj de la subskribanto, kiu volonte prezentos por vi la lud-manieron proksime al la butiketoj en la kongreseja halo (kie vendiĝas kubana muziko ktp). Informoj kaj mendoj: <eliz.barbay@wanadoo.fr>.

**Elisabeth Barbay, KN 537**

# Kongresaj raportoj (ktp)

## Monda Asembleo Socia

Monda Asembleo Socia (MAS) kunvenis je 09h00 vendredon en salono Canuto, sub gvido de Vilhelmo Lutermano (KN 151). MAS estas tute nova asocio, kiu funkcias laŭ bazdemokratio, en Interreto. Ĝi ne konas reprezentantojn, estraron, eĉ ne kotizon. Tamen ĝi eldonas imponan gamon da libroj. Ĵus aperia la unua volumo de *La kapitalo*. Por MAS-ano senpage elŝuteblas ĉiuj libroj. Dum movadaj sociaj forumoj MAS-anoj partoprenadis kaj disdonadis numerojn de *Le Monde diplomatique* en Esperanta versio.

**Dieter Rooke, KN 102**

## Afrikdevena religio kuba "santería"

Salonon Hodler plenigis sesdeko da scivolantaj ge-kongresanoj kiuj ricevis detalajn sciigojn pri Yoruba, santerio, muziko, lingvo, historiaj faktoj kaj aliaj konsistigaj partoj de la kuba kulturo. Prelegis s-ino Mayra Núnez, kiu rave sukcesis bildigi la afrikdevenan religian kulton per sia ĉarma parolo kaj sia maniero efektive klarigi faktojn per rekta montrado de la kulto. Interalie s-ino Núnez reliefigis kaj elmontris la dancojn, muzikilojn, salutojn kaj signifojn de la diaj estaĵoj. Post finiĝo de la praktika prelego la partoprenantoj aktive starigis aliajn demandojn, kiujn la prelegintino saĝe, brile kaj profesinivele respondis. Resume la partoprenantoj havis la ŝancon gustumi la

## Parolado de Julián Hernández Angulo, prezidanto de Kuba Esperanto-Asocio kaj de la Loka Kongresa Komitato de la 95-a Universala Kongreso de Esperanto, dum la Solena Inaŭguro

Karaj honoraj gastoj,

Karaj gekongresanoj,

95-a Universala Kongreso de Esperanto,

Ideo elpensita, ideo proponita, ideo aprobita, ideo kiu fariĝos realo dum tiu ĉi semajno kiel rezulto de la ĉiutaga kaj serioza laboro de la loka kongresa komitato kaj de pluraj kubaj esperantistoj kiuj ĉiam pretis helpi kaj kunlabori.

Ideo kiu estas omaĝo kaj donaco por la esperantistoj de la kontinento de la pasinta periodo kaj por tiuj de la nuntempo kiuj ĉiutage faris kaj faras por la progreso de nia komuna lingvo.

Ideo kiu dekomence kaj daŭre esti subtenata de la kuba registaro pere de la ministerio pri kulturo kaj ties diversaj instancoj.

Ni alte taksas la decidon de UEA venigi la Universalan Kongreson al Kubo ĉar tio ebligas al esperantistoj el Sudaj Amerikaj landoj travivi tutan esperantistan semajnon kaj pli bone konstati la internacian dimension kaj utilon de Esperanto. Sendube tio diversnmaniere impulsos kaj injektos pli da energio kaj entuziasmo al la movado en nia regiono kaj kontinento.

Nome de la loka kongresa komitato, ni petas al ĉiuj kongresanoj adapti la kongresan programon al siaj bezonoj kaj preferoj, ne perdi tempon kaj profiti ĉiujn momentojn por kreskiĝi kiel esperantisto, kiel homo kaj kiel civitano de la mondo.

Konatiĝu kun Kubo kaj kun Havano laŭ viaj ebloj kaj ĝuu la kongresan semajnon.

Koran Dankon. 

fruktojn portitajn de s-ino Núnez por bildigi eron de sia brila prelego. Kanto kaj danco fare de tri montrantoj dancigis kaj kantigis la partoprenantaron, per kio oni fermis prelegon brilan kaj interesvekan.

**Alexis Otero, KN 970**

## Korektoj pri spritisma kunsido

Rilate al la kunsido de Spritisma Asocio Lorenz, priraportita en n-ro 4 de *Havana Karavano*, indas korekti jene:

– S-ro Robinson Mattos estas la prezidanto de la asocio.
– D-ro Paulo Sergio Viana estis la preleganto ĉe la kunsido.
– Prof. Alfredo Durán estis invitita al nia kunsido pro sia posteno kiel estro de la spiritisma movado en Kubo.

**João Silva dos Santos, KN 503**

## Ĉu Greziljono aŭ Kubo? Kaj kaj!

Pluraj membroj de la nova Komitato de Kastelo Greziljono (Francio, 280 km okcidente de Parizo), Kulturdomo de Esperanto, kaj pluraj kromaj kontribuontoj en la ĉi-jara programo, ankaŭ partoprenas en la nuna Universala Kongreso en Kubo. Kvankam la somera programo de Greziljono komenciĝis jam la 17-an de julio, ĝi daŭras ĝis la 14-a de aŭgusto kaj ankoraŭ eblas aliĝi. Fine de aŭgusto, Greziljono akceptos someran universitaton de EDE (Eŭropo Demokratio Esperanto), kaj ankaŭ viajn aranĝojn ĝi povas gastigi en la venontaj jaroj. Informiĝu ĉe: www.gresillon.org.

**François Lo Jacomo, KN 577**

## Ĉu nova saluto? (vd. *Havana Karavano* 2, p.1)

Okaze de la kunvenoj pri la kongresa temo, mi proponis ke por konkrete praktiki la "kulturan interproksimigon", estu proponita en Esperantujo salutmanieron kiu respektu laŭeble la kulturan identecon de ĉiuj.

La kutima manpreno estas ĝenerale trudita de ĝiaj praktikantoj al homoj el kulturoj kie ĝi estas tute fremda kaj eĉ malagrabla. Ni devus pripensi tiun mankon de respekto al aliaj kutimoj.

Ni cerbumu por trovi, eventuale krei novan komunan, universalan salutmanieron respekteman de ĉiuj kulturoj. Ni povas eĉ imagi novan parolan saluton kiu estus Esperante vortumita sed kiu povus roli en la tuta mondo kiel alvoko rekonigila por la homoj de bonva volo (pacamaj, toleremaj, justaj…).

Eblus diskonigi la novan saluton grandskale ekster Esperantujo per la reto. Ĝia mondskala uzo bonfamigus Esperanton.

Mi aludis la kostarikan "*Pura vida*" = "Vivplene!" Cerbumu por trovi pli bonan kaj sciigu ĝin al la subskribanto, kies retpoŝta adreso troviĝas en la Kongresa Libro.

**Philippe Chavignon, KN 327**

## KK-neaperintaĵoj (vd. *Havana Karavano* 5, p.1)

Kiel promesite, iuj neaperintaj kontribuaĵoj al la Kongresa Kuriero estos baldaŭ legeblaj en PDF-dosiero alŝutota al http://dl.dropbox.com/u/1107821/kromkaravano.pdf. Dankegon al ĉiuj el niaj kontribuintoj, kaj aparte al redakciaj kunlaborantoj Michela Lipari kaj Norberto Díaz.

**Roy McCoy, KN 502**

## Lastaj aliĝoj

1000 **S-ro Nelson Ramos,** Kubo
1001 **S-ino Zhang Manjuan,** Ĉinio
1002 **S-ino Marta Núñez Iglesias,** Kubo






## Estimataj landaj, urbaj kaj kongresaj aŭtoritatoj, tre karaj gesamideanoj!

**Jam pasis kvar jaroj ek de kiam la urba konsilantaro de Herzberg en Germanio unuanime decidis kromnomi Herzberg "la Esperanto-urbo".**

**Ek de tiam Esperanto iel fariĝis la dua oficiala lingvo de Herzberg; multiĝis en ĝi la instruado de la internacia lingvo, granda nombro da esperantistaj naciaj, internaciaj kaj fakaj eventoj gastiĝis en ĝi, amaso da eksterlandaj esperantistoj vizitis ĝin, nova Zamenhof-monumento memorigas al miloj da preterpasantoj la kreinton de la supernacia lingvo. Tio ne estas ĉio ĉar la Herzberga laboro por Esperanto apenaŭ komenciĝis.**

**Kiel urbestro de Herzberg - la Esperanto-urbo mi akcentas la valoron de internacia kunlaboro kaj en tiu spirito invitas vin al mia, nome via urbo.**

**Herzberg subtenas Esperanton: vi subtenu Herzberg per via persona kunagado.**

**Gerhard Walter**

**urbestro de Herzberg – la Esperanto-urbo**